XXV-a jaro. Nº 349 (9). Monata Septembro 1929

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.**
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Esperanto kiel kongreslingvo

Tio ĉi estis afero pritraktita dum la Budapeŝta Kongreso pro trafa parolado de Sro Robert Kreuz, ĝenerala sekretario de I.C.K. Samtempe ĝi estis praktike aplikata ĉe tri sekciaj kunsidoj de la vasta mondkongreso de Edukistoj kunvenintaj en Ĝenevo.

Dankataj estu la esperantistaj instruistoj, kiuj partoprenis kaj tiamaniere helpis la sukceson de tiu laboro. En la estonteco ni devos serioze plimultigi tiajn okazojn se ni deziras, ke nia lingvo eniru en la kampon de la reala mondo.

Ne helpas plu diskutoj teoriaj. Nur la faktoj konvinkas. Sed ili ne devas esti maloftaj, okazaj, esceptaj. Ili devas fariĝi oftaj, kutimaj, kreskantaj. Malgraŭ ĉiuj bonaj argumentoj por Esperanto, la registaroj ne povas enkonduki ties devigan instruadon ĝis kiam uzado tion pravigos. Same nur kuraĝaj idealistoj akceptas ĝin lerni « por helpi triumfon de utila afero ».

En nia rapidema epoko hodiaŭa ni devas doni al la lingvo pli rektan allogilon. Nu, la homoj partoprenantaj en kongresoj jam estas iom internaciemaj kaj sentas la bezonon je interkompreniĝo. Almeti Esperanton kiel permesatan plian lingvon krom angla, franca kaj germana, tio nur igas eĉ pli akra la diverslingvecon devigante al tri anstataŭ du tradukoj. Tio eĉ igas Esperanton balasto kaj superflua embarasilo.

Tute alia estas la afero, se oni povas ĝin uzigi kiel solan traduklingvon. Tiam ĝi vere helpas kaj ĵaluzigas tiujn, kiuj ankoraŭ ne lernis ĝin. En Ĝenevo multaj germanaj kaj francaj kongresanoj plendis pri tro da angla parolado aŭ tradukado. « Ĉion por Amerikanoj, nenio por ni ! » ekkriis franca instruistino. Kiam ŝi vidis la sekcion kun esperanta traduko, ŝi konfesis la justecon de la sistemo kaj promesis lerni.

Se en multaj kongresoj same okazus, la interkomprena solvo estus trovita kaj granda nombro da homoj venus al Esperanto. Kompreneble ekzistos ĉiam fieraj grafinoj aŭ malhumilaj intelektuloj fanfaronantaj pri scio de « ĉiuj fremdlingvoj ». Neniu devigas ke ili lernu Esperanton. Se ili komprenas rekte la originalajn prelegojn en franca, angla kaj germana lingvoj, nu despli bone por ili, sed ĉiuj aliaj — pli modestaj en siaj kapabloj — havu almenaŭ la garantion, ke ĉion oni tradukos, ne en ĉies lingvojn kio estas neebla, sed en la komunan helplingvon. Tiam valoros ĝin lerni.

Pliposte venos la tempo kiam oni trovos eĉ pli oportune prelegi tuj en ĝi kaj do atingi perfektan unulingvecon en internaciaj kongresoj. Sed tio bezonas multan laboron kaj paciencon. Ni ĝojas ke oni priparolis tiun temon en Budapest. La oficialan protokolon de la kongreso ni ankoraŭ ne ricevis, sed ni enpresas amuzan rakonton de ŝercema partopreninto, kiu donos al niaj legantoj siajn gajajn impresojn espereble senofende al iu ajn priŝercata.

Li plendas ke nia movado estas tro solena kaj ne sufiĉe gaja. Aliaj plendas ĝuste pri la malo kaj demandas kiu devas antaŭenpuŝi nian lingvon en uzadon kaj en lernejojn, dum la esperantistoj dancas kaj elektas belecreĝinojn.

Ni respondu, ke por ĉia afero estu aparta tempo. Ke vojaĝema junularo — eĉ blankhara — ŝatu pasigi kune gajan semajnon kaj sperti internacian amikecon per belaj festoj en Esperanto, tio estas atentinda deziro kaj bezono, kiun niaj ĝeneralaj kongresoj povus kontentigi eĉ ankoraŭ pli sukcese sur montloko aŭ en mara banurbo. Sed oni ne kredu, ke la « alia laboro » povas efektiviĝi sen homoj, sen rimedoj kaj sen pacienca sindono al seriozaj klopodoj.

Dume ni gratulas niajn hungarajn amikojn pri la granda sukceso de la Budapeŝta kongreso, kiun ili bonege organizis kaj igis memorinda por ĉiuj 1200 partoprenintoj.

Edmond Privat.

# LITERATURO

## Im Westen nichts Neues

*Okcidenta fronto: Nenio nova. Jen la traduko de la supra titolo germanlingva per gotikaj literoj, videbla sur griza kovrilo de libro kiu skuis la legeman mondon. Erich Maria Remarque estas la nomo de la aŭtoro, redaktoro en Berlin. Dek jaroj estas jam distanco sufiĉa por forgesi multon, por ŝajnigi gloron tie, kie ĝi ne estis. Necesis tia libro por reveki la dormantojn kaj la hezitemulojn. Ni atendis ion alian post la kataklismo de 1914-1918.. Senarmigon oni proklamis kaj pri gaso oni diskutas kaj serĉas rimedojn protekti la estontajn nebatalantojn. Kiel bombo efikas nun, la verko de Remarque kaj la tradukoj en pluraj lingvoj certe helpos la intencon de la verkinto. Kun la permeso de la eldonejo Propyläen Verlag, Berlin (Firmo Ullstein) ni tradukis du ĉapitrojn el tiu nova libro.*

*Kiel tendenca libro la nuna verko rememorigas la rakonton de Henri Dunant « Solferino » fundamenta ŝtono de la ideo de la Ruĝa Kruco, ideo naskinta en la sobre-praktika kaj tamen idealisma cerbo de tiu ĝenevano. Kaj alian libron ni ne forgesu « For la batalilojn » de Bertha von Suttner, verko tiom primokita de la robustnervaj militaristoj kaj malpacifistoj. Malfeliĉe la homaro estas blinda, pli facile kondukebla al abismo de la milito ol al la ĝardeno de la intergenta paco. Nova eduko eble ŝanĝos tiun staton kaj ĉiuj bonvoluloj estu pretaj.*

***

Ni enpuŝis firme la ferfostojn je regulaj interspacoj. Estas ĉiam du viroj por teni la rulaĵon kaj la aliaj deruligas la dorndraton. Estas tiu naŭziga drato kun la dense starantaj longaj pikiloj. Mi ne plu kutimas tiun laboron kaj ŝirvundas al mi la manon.

Post kelkaj horoj ni finis. Sed ni havas ankoraŭ tempon ĝis alveno de la ĉaroj. La plimulto inter ni etendiĝas surtere kaj dormas. Mi provis fari la samon. Fariĝas tro freŝa. Oni rimarkas, ke ni estas prosksime al la maro, ĉar ĉiam oni revekiĝas pro la malvarmo.

Jen mi endormiĝas. Subite restariĝinte mi ne scias, kie mi estas. Mi vidas la raketojn kaj momente havas la impreson esti endormiĝinta en ĝardeno dum ia festo. Mi ne scias ĉu estas mateno aŭ vespero, mi kuŝas en la pala lulilo de la krepusko kaj atendas karesajn vortojn, kiuj devas veni, vortoj mildaj kaj certigaj — ĉu mi ploras? Mi tuŝas miajn okulojn, estas tiom strange, ĉu mi estas infano? Delikata haŭto; — nur sekundon ĝi daŭras, tiam mi rekonas la silueton de Katczinsky. Trankvile li sidas, la maljuna soldato kaj li fumas pipon, nature kovrilpipon. Rimarkinte ke mi vekiĝis, li diras: « Ci ja forte skuiĝis. Estis nur raketo kiu muĝis en la arbetaĵojn ».

Mi leviĝas; mi sentas min strange sola. Bone estas ke Kat estas tie ĉi. Penseme li rigardas al la fronto kaj diras: « Estas bela artfajraĵo, domaĝe ke ĝi estas tiom danĝera ».

Malantaŭ ni falas obuso. Kelkaj rekrutoj ektremis. Kelkaj minutoj poste alia eksplodo, pli proksime ol antaŭe. Kat frapetadas la pipon. « Ni havos fajraĵon ».

Jam komenciĝas. Ni forrampas, tiom bone kiom estas eble en la rapideco. Sekvanta pafo jam lokiĝas inter ni. Kelkaj viroj krias. Ĉe l'horizonto leviĝas verdaj raketoj. Alten ĵetiĝas la koto, splitoj susuras. Oni aŭdas ankoraŭ ilian frapon sur la tero, kiam la frapo de l'eksplodo jam silentiĝis.

Apud ni kuŝas timegigita rekruto, linblonda. Li premis la vizaĝon en la manojn. La kasko defalis. Mi rekaptas ĝin kaj volis ĝin meti sur lian kranion. Li levas la okulojn, forpuŝas la kaskon, kaj simile al infano rampas kun la kapo sub mia brako, kontraŭ mia brusto. La mallarĝaj ŝultroj tremegas. Ŝultroj kiajn havis Kemmerich.

Mi lasis lin fari. Sed por ke la kasko tamen servu je io, mi ĝin metis je lia postaĵo, ne pro idioteco, sed el la simpla fakto, ke ĝi estas la plej alta parto de lia korpo. Kvankam estas ja dika karno, la pafoj tie estas ege dolorigaj. Plie oni devas kuŝi en la lazareto dum monatoj sur la ventro kaj certe treni la kruron poste.

Ie fortege falis la pafoj. Oni aŭdas kriegi inter la sinsekvaj pafoj.

Fine silentiĝis. La pafado preterpasis nin kaj estas nun ĉe la lastaj rezervaj pozicioj. Ni riskas rigardon. Ruĝaj raketoj flagras ĉe la ĉielo. Verŝajne komenciĝas atako.

Ĉe ni ĉio estas trankvila. Mi sidiĝas kaj frapas la rekruton sur la ŝultron. « Finita, etulo! Ankoraŭ bone finiĝis tiun fojon. »

Sendirekte li ĉirkaŭrigardas. Mi diris al li por lin certigi: « Ci jam alkutimiĝos ».

Li rimarkas sian kaskon kaj surmetas ĝin. Malrapide li rekonsciiĝas. Subite li ege ruĝiĝas kaj havas aspekton embarasitan. Atenteme li direktas la manon malantaŭe kaj rigardas min dolorige. Tuj mi komprenas: La kanonfebro. Tamen pro tio mi ne lokigis la kaskon tie — sed mi lin konsolas: « Tio ne estas hontiga; jam aliaj viroj ol vi plenigis la pantalonojn post la unua atako. Iru tien en la arbustoj kaj eligu la kalsonon. Finita — ».

Li formoviĝis. Kvietiĝis, sed la kriegado ne finas. « Kio okazas, Albert? » mi demandas.

« Transe iuj rotoj ricevis plenpafojn ». La kriegado daŭras. Ne estas homoj, ili ja ne povas tiele krii. Kat diras: « Vunditaj ĉevaloj ».

Mi neniam aŭdis krii ĉevalojn kaj ne povas ĝin kredi. Tio estas la mizero de l'mondo, estas la martirigita kreitaĵo, sovaĝa terurplena doloro, kio tie ĝemplendas. Ni paliĝas. Detering leviĝas. « Turmento, turmento! Mortpafu ilin! »

Li estas kamparano kaj kutimis esti kun ĉevaloj. Li estas kortuŝita. Kaj kvazaŭ estus intenco, silentiĝas la pafado. Despli bone aŭdiĝas la kriegado de la bestoj. Oni ne plu scias, de kie venas la ĝemado en tiu-ĉi arĝenta, trankvila pejzaĝo, ĝi estas nevidebla, fantoma, ĉie, inter ĉielo kaj tero, ĝi ŝveliĝas gigante — Detering ekkoleras kaj kriegas: « Mortpafu ilin, mortpafu ilin, je ĉiuj diabloj! »

« Ili devas unue serĉi la homojn », diras Kat.

Ni leviĝas kaj serĉas la lokon. Kiam oni rigardas la bestojn, estos pli facile elteni la kriadon. Meyer havas binoklon. Ni vidas malhelan grupon de ruĝkrucanoj kun brankardoj kaj nigraj pli grandaj buloj moviĝantaj. Tio estas la vunditaj ĉevaloj. Sed ne ĉiuj. Iuj galopas pli malproksimen, falas kaj ree kuras. Al unu estis disŝirita la ventro, la intestaro eliĝas. Ĝi interplektiĝas en tio kaj falas, sed tamen ĝi releviĝas. Detering surlevas la pafilon kaj celas. Kat forpuŝas ĝin. « Ĉu vi freneziĝis —? »

Detering tremas kaj ĵetas la pafilon teren. Ni sidiĝas kaj fermas la orelojn per la manoj. Sed tiu ĉi terurega plendado kaj ĝemado kaj plorado trapenetras ĉien.

Ni ĉiuj ja povas ion elteni. Sed tie ĉi la ŝvito eliĝas. Oni volus leviĝi kaj forkuri, egale kien, nur por ne aŭdi tiun kriegadon. Kaj estas eĉ ne homoj, sed nur ĉevaloj.

De la malhela bulo disiĝas brankardoj. Tiam sonas kelkaj pafoj. La buloj tremetas kaj ebeniĝas. Fine! Sed ankoraŭ ne tute. La homoj ne povas aliri la ĉevalojn kiuj pro timo foriĝas, kun ĉiu doloro en la larĝe malfermitaj buŝegoj. Unu el tiuj figuroj surgenuiĝis. Pafo, ĉevalo falas — ankoraŭ unu. La lasta apogiĝas sur la antaŭaj kruroj kaj turniĝas ronde kiel karuselo, sidante ĝi turniĝas; verŝajne la dorso estas frakasita. La soldato alkuras kaj pafas. Malrapide, humile ĝi glitas teren.

Ni deprenas la manojn de la oreloj. La kriegado mutiĝis. Nur unu longetirita, mortiĝanta ĝemo pendas en la aero. Tiam estas ree la raketoj, la kantado de la grenadoj kaj la steloj, — kaj tio estas preskaŭ stranga.

Detering foriras kaj blasfemas: « Volus scii je kio ili kulpis ». Li revenas. Lia voĉo estas konfuzita, preskaŭ solensona kiam li diras: « Tion mi diras al vi » estas la plej granda fiago, ke bestoj estas en la milito ».

***

Rulpafado, barpafado, kurtenpafado, minoj, gaso, tankoj, maŝinpafiloj, mangrenadoj — vortoj, vortoj, sed ili ĉirkaŭas la teruron de l'mondo. Niaj vizaĝoj krustiĝis, nia menso estas dezertigita, ni estas mortlacaj; — kiam atako komenciĝas, oni devas frapi iujn per la pugno, por ke ili vekiĝu kaj kuniru; — la okuloj estas inflamitaj, la manoj disŝiritaj, la genuoj sangas, la kulbutoj estas disbatitaj. Ĉu pasis semajnoj — monatoj — jaroj? Estas nur tagoj. Ni vidas foraperi apud ni la tempon en la senkoloraj vizaĝoj de la mortintoj, ni englutas nutraĵon, ni kuras, ni ĵetas, ni pafas, ni mortigas, ni kuŝas ĉirkaŭe, ni estas malfortaj kaj apatiaj kaj nur tio nin tenas, ke ekzistas ankoraŭ pli malfortaj, pli apatiaj, pli senhelpaj estaĵoj ol ni, kiuj kun larĝe malfermitaj okuloj nin rigardas, kvazaŭ diojn povantajn forkuri de la morto.

Dum la malmultaj horoj de la ripozo ni ilin instruas. « Ĉu vi vidas tiun poton ŝanceliĝantan? Tio estas mino, kiu venas. Restu kuŝanta, ĝi pasas transen. Se ĝi iras tiel, tiam nepre forkuru. Oni povas forkuri de ĝi! » Ni ekzercas iliajn orelojn pri la malica perfida susuro de la etaj uloj, apenaŭ aŭdeblaj, ili devos ĝin aŭdi el la krakado kiel susuron de la muŝoj; — ni lernigas ilin, ke tiuj estas pli danĝeraj ol la grandaj, aŭdataj jam longe antaŭe. Ni montras al ili, kiel oni kaŝiĝas antaŭ la aviadistoj, kiel oni imitas la mortinton, kiam la atako estas surpasinta, kiel oni devas detiri la mangrenadon, por ke ĝi eksplodu sekundon antaŭ la falo. Ni instruas ilin, kiel fali en la obustruojn antaŭ grenado kun perkuto. Ni montras, kiel oni balaas tranĉeon per fasko de mangrenadoj, ni klarigas la diferencon en la daŭro de l'perkutado inter la malamikaj mangrenadoj kaj la niaj, ni atentigas ilin pri la sono de la gasgrenadoj, kaj montras al ili la artifikojn kiuj povos ilin savi de la morto. Ili aŭskultas, ili estas obeemaj — sed kiam rekomenciĝas, ili tamen faras ĉion malĝuste pro konfuziĝo.

Haie Westhus estas forportita kun frakasita dorso; ĉe ĉiu spiro pulsas la pulmo tra la vundo. Ankoraŭ mi povas premi lian manon; — « finita ĉio, Paul », li ĝemas kaj mordas sin en la brakon pro doloro.

Ni vidas homojn kiuj vivas, al kiuj mankas la kranio. Ni vidas kuri soldatojn, senspiraj. Ili puŝiĝas sur la splitaj ŝtumpoj ĝis proksima truo. Ĉef-soldato rampas du kilometrojn sur la manoj kaj trenas la frakasitajn genuojn malantaŭ si. Alia iras al la helpposteno kaj super liaj tenantaj manoj ŝvelas la intestoj. Ni vidas homojn sen buŝo, sen makzelo, sen vizaĝo. Ni trovas iun, kiu dum du horoj premis per la dentoj la arterion de sia brako por ne perdi la tutan sangon. La suno leviĝas, la nokto venas, grenadoj fajfas, la vivo finiĝas.

Tamen la peceto de disŝirita tero, en kiu ni kuŝas estas konservita malgraŭ la superaj fortoj. Nur kelkcento da metroj estas forlasitaj. Sed ĉiu metro kostis unu homon.

***

Ni estas anstataŭataj. La radoj rulas sub niaj piedoj, ni staras en letargio kaj kiam sonas la voko: « Atentu — drato! » ni tiam genufleksas. Estis somero, kiam ni preterveturis tie-ĉi, la arboj ankoraŭ estis verdaj, nun ili jam aspektas aŭtune kaj la nokto estas griza kaj malseka. La veturiloj haltiĝas, ni malsupreniras, grupo senorda, resto de multaj nomoj. Ĉe la flankoj, malhele, staras viroj kaj vokas la numerojn de regimentoj, de kompanioj. Kaj ĉe ĉiu voko, disiĝas grupeto, eta, malgranda areto de palegaj, malpuregaj soldatoj, terure eta aro kaj terure eta resto.

Nun vokas iu la numeron de nia kompanio, estas la kompaniestro, li sekve saviĝis, lia brako troviĝas en bandaĝo. Ni alpaŝas kaj mi rekonas Kat kaj Albert, ni regrupiĝas, apogiĝas kaj rigardas nin.

Kaj ankoraŭ kaj ankoraŭ foje ni aŭdas voki nian numeron. Longe li povas voki oni ne aŭdas lin en la lazaretoj kaj en la truoj.

Ankoraŭfoje: « Dua kompanio tie ĉi! »

Kaj tiam pli mallaŭte: « Neniu plu el la dua kompanio? »

Li silentas kaj li estas iom raŭka, kiam li demandas: « Estas ĉiuj? » kaj ordonas: « Denombru! »

La mateno estas griza, estis ankoraŭ somero kiam ni iris al la fronto kaj ni estis centkvindek homoj. Nun ni frostas, estas aŭtuno, la folioj falas, la voĉoj tremas lace: « Unu — du — tri — kvar, kaj ĉe tridekdu — silento. Kaj longe silentas, ĝis kiam la voĉo ree demandas: « Ankoraŭ iu? » — kaj atendas kaj tiam mallaŭte diras: « En grupoj — », kaj tiam interrompas kaj nur povas fini: « Dua kompanio — sen linio, antaŭen! »

Vico, mallonga vico paŝetas en la matenon. Tridekdu homoj.

Trad. *G. Agricola.*

---

## Aforismoj

(Proverbe uzeblaj)

*Politika generalo*
*vin kondukas al fatalo.*

*Generalo restu soldato,*
*por utili al sia ŝtato.*

*Politiko per batoj*
*ne plu taŭgas por ŝtatoj.*

*Ne kredu, ke rukto*
*jam estas produkto.*

*Nura fakisto dronas en ŝtofo*
*dum super ĉio tronas filozofo.*

*Filozofo feliĉas en barelo,*
*sed filistro enuas en kastelo.*

*La pastroj efiku per ekzemploj,*
*vidataj ekstere de la temploj.*

Franz Döring.

# ESPERANTO EN ALIAJ KONGRESOJ

## Tutmonda Kongreso de la Universala Federacio de Pedagogiaj Asocioj

### Pri kio temis

De la 25 Julio ĝis 4 Aŭgusto 1929 kunvenis en Ĝenevo la tria kongreso de la Tutmonda Federacio de pedagogiaj asocioj, fondita de usonaj edukistoj post la milito. La unua kongreso okazis en Edinburgh en 1925 kaj la dua en Toronto (Kanado) en 1927.

Inter la celoj de la federacio staras : Krei ligilojn de amikeco kaj bonvolo inter la diversaj nacioj, disvastigi tra la tuta mondo toleremon por alies rajtoj sen antaŭjuĝo pro raso aŭ religio, instigi simpatian komprenon pri la ecoj de alirasaj kaj alinaciaj homoj, certigi per lernolibroj pli objektivan kaj akuratan rakonton pri faktoj, kreskigi inter la junularo la senton pri interpopola moralo, insisti en ĉiuj lernejoj pri la unueco de la homaro kaj la malsaĝeco de la milito, disvastigi la pacdeziron kun patriotismo bazita sur amo kaj ne sur malamo de ceteraj nacioj.

Kiel oni povas tuj konstati, tiuj celoj estas tre parencaj de la temoj diskutitaj en Praha antaŭ tri jaroj ĉe la internacia konferenco por paco per lernejo. Fakte multaj raportoj kaj diskutoj en Ĝenevo tuŝis precize la samajn temojn, sed jam pli multa sperto akiriĝis dum la tri lastaj jaroj kaj oni povas observi notindan progreson en la lerneja sinteno rilate al paco kaj milito.

Ankoraŭ malproksime staras la celo, sed certe la kontraŭmilita spirito multe kreskis inter instruistoj kaj ekatingas lernejestrarojn iom post iom. Pri tio la ĝeneva kongreso havigis interesan mezurilon... kaj ĝojigan, ni aldonu.

### La Organizo

Dum la sama semajno aŭ tuj antaŭe kunvenis en Ĝenevo pluraj aliaj organizoj iom parencaj, kiel la Internacia Unuiĝo por Kriplaj Infanoj, la Internacia Instituto de la Instruista Kolegio el New York, kiu kunigis eŭropajn lernantojn siajn, la Junulaj sekcioj de Ruĝa-Kruco, k.t.p.

Entute mil kvincent kongresanoj partoprenis la Edukistan Kongreson mem. La Usonaj gvidantoj komisiis parton de la organizo al la Internacia Oficejo de Edukado, fondita de Prof. Pierre Bovet en Genève. Malfacila tasko organizi kongreson en Eŭropo laŭ usonaj postuloj kaj eĉ kontraŭpostuloj ! Tiun duopecon oni sentis en kelkaj aranĝoj.

La tuta kongreso estis dividita en dudek sekcioj pri la diversaj fakoj : Parencoj kaj instruistoj, Higieno, praktika eduko, instruistaj organizoj, internacia bonvolo, preparo de instruistoj, infankonduto, kampara edukado, antaŭlerneja edukado, lernejo kaj socio, gazetaro kaj eduko, bibliotekoj, « el lernejo al laboro », elementa instruado, duagrada, supera, plenaĝula, analfabetismo. Krome kunsidis la « Komitatoj Herman-Jordan », usona organizo por konkursoj pri paceduko.

Kiel oni vidas, ankaŭ aliaj temoj krom paco estis pritraktataj. La granda nombro de fakoj treege dividis la kongreson kaj anaroj inter kvindek ĝis cent kvindek homoj sidadis aparte en diversaj lokoj renkontiĝante vespere en komunaj publikaj kunvenoj, ĉe festoj aŭ en la ekspozicio.

### Lingvoj kaj uzo de Esperanto

Kiel kutime la lingva diverseco kaŭzis sian ordinaran konfuzon kun plendoj kaj protestoj. Ĉiu kongresano alpinglis al sia brusto rubandojn montrantajn la komprenatan aŭ komprenatajn lingvojn : ruĝa por angla, flava por germana, blua por franca kaj verda por Esperanto. Iuj havis ĉiujn kvar ĉe la vesto, sed la granda plimulto havis nur ruĝan kaj la nemultaj Francoj iafoje plendis akre pri tiu anglo-usona superakvigo.

Efektive en multaj sekcioj ĉio okazis angle. La kunsidoj aranĝitaj de la Internacia Oficejo de Edukado en Ĝenevo estis pli justaj. Sur la programo staris diverslingvaj raportoj kaj ankaŭ la indiko pri *unu* lingvo de traduko. Alimaniere oni havus tri ! En kelkaj oni tradukis ĉion francen, en aliaj ĉion germanen, en tri kunsidoj oni tradukis ĉion en Esperanton. La anglajn raportojn esperantigis improvize Dro Privat kaj la francajn ankaŭ tre klare Sro Perrenoud. Germana preleganto Dro Kraner, Dresden traduk s sin mem en Esperanton, same Dro Dietterle siajn intervenojn en diskutoj.

La verdan rubandon portis ĉirkaŭe 50 edukistoj el Germanujo, Saar, Francujo, Anglujo, Ĉeĥoslovakio, Polujo, Bulgarujo kaj Svislando. Ili formis la duonon de la aŭdantaro en tiuj tri kunsidoj kaj iliaj aplaŭdoj montris al iom surprizitaj ceteruloj, ke la esp. tradukoj utilas.

Sur la programo de la dua kunsido « Herman-Jordan » staris la temo pri Esperanto kiel rimedo de internacia edukado. Ĝin pritraktis Dro Privat en angla lingvo kaj poste france. Lian vidpunkton subtenis germane Dro Dietterle salutante la kongreson en nomo de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE).

Antaŭ du jaroj en Toronto la kongreso komisiis sian pacedukan komisionon ekzameni la problemon pri mondlingvo. Ĝi ankoraŭ ne agis. Ĝiaj membroj ĉeestis la prelegon de Dro Privat kaj unu decidis veturi tuj al Budapest por vidi la diferencon inter multlingva kaj unulingva kongreso.

Tiu diferenco jam brilis ĉe aparta kunveno de ĉirkaŭe tridek edukistoj esperantistaj sub prezido de Dro Dietterle. Ĝin partoprenis ankaŭ Prof. Cart, el Parizo. Tie raportis Sro Tutsch pri interŝanĝo de ĉeĥaj kaj germanlingvaj instruistoj en Ĉeĥoslovakio, Sino Mabel Harrod (Angla instruistino) pri instruado de Esperanto en angla elementa lernejo, Prof. Dietterle pri IALA, kiu ebligis kolekti adresojn de 4.500 esp. instruistoj en la mondo kaj revivigi la internacian Pedagogian Revuon, kiu havas nun 800 abonantojn. Pri la « testoj », t.e. enketaj folioj plenumotaj de lernantoj, raportis Sino H. Danneil en Genève, kiu ĵus publikigis esp. tradukon de Ad. Ferrière : Estonta Eduko. Sro Fechter legis proponon pri radikalaj pacrimedoj kaj Sro Michel pri higiena temo. Vigla diskutado okazis, feliĉe sen ia tradukbezono ! Tia unulingva flua internacia diskutado estis vera ripozo meze de Babela kongreso.

**La ekspozicio**

Ne haltis tie la esp. parto de la kongreso. La malfeliĉan komitaton pri loĝado kaj akcepto ĉe stacidomo sindone helpis la UEA oficejo. Ankaŭ ĝi organizis belan standon pri Esperanto en la ekspozicio kaj deĵoris por disdoni dokumentojn. Ĉefe preniĝis grandnombre la angla lingva raporto de la Ligo de Nacioj pri « Esperanto kiel helpa mondlingvo ». En ĉiu kongresana koverto ricevata ĉe alveno kun kongreskarto, troviĝis kolekto de dokumentoj pri Esperanto kun ŝlosilo en la rilata lingvo kaj unu numero de « Esperanto » Juli-Aŭgusta eldono.

Tiamaniere neniu Usonano revenis hejmen sen almenaŭ iom da preciza informo pri nia lingvo.

Sed ni vidis — krom la esp. stando — multajn aliajn interesajn kaj pli luksajn elmontrojn ĉe la Ekspozicio. Inter ili elstaris la aŭstriaj infandesegnaĵoj kaj instruaj vidigiloj, ankaŭ la grandioza projekto por Atlaso pri la tutmonda civilizo. Tiujn mirindajn bildojn pri la progresoj — kaj malprogresoj — de la homaro mem klarigis surloke la fidela amiko de nia afero Sro Paul Otlet, el Bruselo, kiu meritas vidi sian verkon baldaŭ eldonatan kun esp. klarigoj por la bono de miloj da instruistoj en la tuta mondo. Aldonante nacilingvan tradukon de la bildklarigoj iu ajn eldonisto povus fari el tio brilan entreprenon kaj samtempe tre utilan al nia afero.

**Temoj kaj diskutoj**

Estus tute neeble resumi ĉi-tie la laboron de dudek sekcioj en tiel vasta kongreso. Cetere ni kutimas raporti ĉi-tie nur pri kunvenoj uzintaj Esperanton. Sekvante tiun regulon ni analizos la temojn pritraktitajn de la 6a sekcio, Lundon 29 kaj Mardon 30 Julio kaj 7a sekcio Merkredon 31 Julio, kie ĉio estis tradukata en Esperanton.

La unua raporto Lundon estis tiu de Prof. Dro H.L. Smith el la Universitato de Indiana (USA). Kun la helpo de sia universitato li organizis enketon pri la eblecoj de paceduko en lernejoj de Usono. Demandaroj estis senditaj al kelkcentoj da lernejestroj kaj reprezentaj personoj el ĉiuj gravaj urboj de Usono. Sur ili staris interalie 16 precizaj tezoj kiel ekzemple :

1a : La vere grava tasko por la mondo hodiaŭ estas la kreo de nova pensmaniero kiu superstaru trans naciaj bariloj.

2a : Duobla fideleco, t.e. fideleco samtempa al ambaŭ nacio kaj tutmondo ne devus esti pli malfacila ol la samtempa lojaleco al ambaŭ civito kaj nacio aŭ ambaŭ familio kaj civito...

11a : Kompreno pri la religioj de la diversaj popoloj de la mondo grandparte venkus barilojn de religia diferencigo...

La demandaro petis opinion pri la tezoj. Legado kaj klasigado de la ricevitaj respondoj ebligis interesan statistikon pri la stato de publika opinio en edukistaj rondoj. Ekzemple unuan tezon trovis akceptebla 73 %, tezon 2an eĉ 77 %, sed la 11.an nur 57 % de la respondintoj.

Laŭ la ŝanĝproponoj ricevitaj oni reviziis la tezojn por atingi pli grandan unuanimecon kaj ili fariĝis jenaj en pli milda formo :

1a : Grava tasko por la mondo hodiaŭ estas la kreo de nova pensmaniero, kiu ebligu komprenon kaj ŝaton de la karaktero, verkoj kaj tradicioj de ceteraj popoloj kaj kiu superstaru naciajn barilojn ne provante ilin detrui.

2a : Lojaleco al ambaŭ nacio kaj homaro estas simila je lojaleco al ambaŭ civito kaj nacio; kvankam iom malfacile komprenebla kaj plenumebla, ĝi estas same dezirinda kaj neniel neatingebla.

11a : Kompreno pri la religioj de la diversaj popoloj sur la tero devus iagrade venki barilojn de sektanismo, maltoleremo kaj bigoteco.

Sur bazo de tiuj revizie mildigitaj tezoj, ĝenerale akcepteblaj, oni konstruis detalan programon por enkonduki la « novan senton » en la lernejojn per diversaj rimedoj, pri kiuj oni ankaŭ faris similan enketon.

Prof. Smith alvokas al ĉiuj alilandaj edukistoj, ke ili organizu similan enketon kaj komuniku la rezultan materialon por ebligi tutmondan programon sur komunaj bazoj. Pri tio oni korespondu en Esperanto kun la Internacia Oficejo de Edukado, 44, rue des Maraîchers, Genève.

**Lernolibroj**

Poste Prof. Pierre Bovet raportis pri la spertoj faritaj depost Praha kaj Toronto kaj menciis interalie la gravan agadon de la francaj kaj germanaj profesiaj instruistaj unuiĝoj. Ili sukcese batalis kontraŭ ŝovinistaj lernolibroj kaj ili fondis en Londono tutmondan federacion de siaj unuiĝoj. Ties sekretario venis Ĝenevon por la kongreso kaj ekzamenos estontajn rilatojn inter tiu nova organizo kaj tiu fondita de Usonanoj.

Sro Pedro Rosello poste skizis planon de internaciaj somerkursoj por prepari la instruistojn al tiu nova paceduka laboro.

**Historio de Laboro**

Mardon la sama sekcio kune kun 7a sekcio kunsidis por aŭdi Sron Fernand Maurette, el la Internacia Laboroficejo, prelegi pri Historio de Laboro, plej ofte forgesata en edukado. Kiel vivis, loĝis, laboris, manĝis, sin vestis homoj el prahistoriaj tempoj, pri tio oni instruas la infanojn, ĉar oni havas nenion alian por diri pri tiuj tempoj, sed, ĉe la pli proksimaj historiaj epokoj, la tutan lokon okupas heroaj homoj, politikaj okazintaĵoj aŭ militoj. Tiel la infano eĉ nescias kiel laboris, loĝis, manĝis kamparanoj de l' antaŭa centjaro aŭ eĉ laboristoj de la nuna tempo !

Kiel kompreni Francan Revolucion sen scio pri la vivo de l' kamparanoj en XVIIIa centjaro aŭ Anglan Historion en 1830 sen informo pri laborkondiĉoj el la fabrikoj ĵus multiĝintaj ? Kiamaniere vivis la grandaj amasoj estas eĉ pli esenca afero ol detaloj pri tiu aŭ alia politika solisto en la Historia orkestro. Ĉar la infanoj ŝatas personajn detalojn, estas facile personigi laboriston aŭ kamparanon.

Lernantoj ja entuziasmiĝas se oni montras al ili kopion de malnova dokumento kiel ekzemple laborkontrakto de francaj ŝtonistoj dungitaj por konstrui preĝejon gotikan en Upsala (Svedujo) dum la XIIa centjaro kun ĉiuj detaloj pri vojaĝo kaj vivkondiĉoj tie.

En bibliotekoj kaj arkivoj ne mankas tiaj bonegaj instruiloj.

**Vidigaj Instruiloj**

Por vidigi al infanoj tion, kion okuloj helpas pli bone kompreni, Sro Paul Otlet el Bruselo starigis en Palais Mondial tie mirindan muzeon de bildoj kaj specimenoj kun okulfrapaj grafikoj pri disvastigo de tiu aŭ alia religio, kostumoj en diversaj epokoj, Ŝanĝo de gravaj havenoj kaj ĉefa komerco antaŭ kaj post malkovro de Ameriko, k.t.p.

Kelkajn bildojn el tiu projekto por Atlaso de Homa Civilizo li alportis Ĝenevon en la kongresan Ekspozicion. Sro Lothian Small raportis pri tiu materialo kaj montris ĝian bazon kaj celon. Ne nur tia Atlaso helpas instrui pri Geografio, Historio, Ekonomio, k.t.p. sed ĝi montras la dependecon de nacioj kaj la unuecon de la tuta homaro pro samaj bezonoj.

**Junula Ruĝa Kruco**

Merkredon sekcio 7 aŭdis raporton de Sro H.B. Wilson pri la agado de Junula Ruĝa Kruco Usona, kiu grupigas kvin milionojn da infanoj en lernejoj kaj ilin instigas al utilaj agadoj. Post la milito ili monkolektis por helpi malsatajn infanojn en Centra Eŭropo. Ankoraŭ nun ili organizas sendojn de donacoj je Kristnasko kaj subtenas lernejojn ekzemple en Albanio.

El dankoj ricevitaj letere kaj responditaj naskiĝis la konata interlerneja korespondado tiom sukcesa. Tamen pro la lingva barilo ĝi restas ĉefe kolektiva, de klaso al klaso, kun neceso de tradukado per aparta oficejo. Kiel prave rimarkis ĉeestantaj esperantistoj la korespondado en Esperanto ebligas pli rektan individuan kontakton inter infanoj.

pri *Paceduko kiel parto de morala preparo*. El siaj dummilitaj kaj postmilitaj spertoj la aŭtoro elĉerpigis tre precizajn filozofiajn kaj pedagogiajn konkludojn. Estus utile se oni povus legi tian raporton presite en revuo pro la rimarkindaj ideoj entenataj. Bedaŭrinde, en urĝigitaj kongresaj kunsidoj, legado neniam impresas tiom, kiom rekta alparolo, eĉ se malpli valora kaj malpli zorge preparita. Sino Eugène Simon, kiu fondis en Francujo la Ligojn de Bonfaro, sendis reprezentantinon por legi ŝian raporton pri la efiko de tiuj Ligoj ĉe infanoj kaj usona edukistino raportis pri la *Tago de Bonvolo* (18 Majo) kiun oni proponas festi en ĉiuj landoj de la mondo por atentigi almenaŭ unufojon en la jaro pri ĉio, kio unuigas la homaron anstataŭ pri tio, kio ĝin dividas. Subtenis la proponon Dro Dietterle rekomendante la ideon al ĉiuj edukistoj.



*Kelkaj el la esperantistaj partoprenintoj en la Tutmonda Edukista Kongreso, Genève, 1929*

Ĉe tiu ĉi punkto, ni tamen malkaŝe diru, ke la esperantistoj povus valorigi siajn ideojn pli saĝe ol ili faris ĉe tiu ĉi kunveno. Ne taŭgas tiel akre kaj multnombre ataki el ĉiuj partoj de la ĉambro malfeliĉan raportanton, kiu neniam eĉ pensis pri Esperanto. La temo ne estis la mondlingvo. Jam oni tradukis ĉiujn prelegojn en Esperanton. Simpla ĝentila atentigo pri la ekzistanta fakto de interinfana korespondado en Esperanto estus sufiĉinta kaj ne koleriginta senkulpan raportanton, kiun oni interesu, sed ne naŭzu pri nia afero. Entuziasmo por prava afero estas tre taŭga, sed ĝi ne eksplodadu ĝis mala efiko, eĉ kun la plej bonaj intencoj. Tute amike dirite, sen persona riproĉo al iu ajn.

Profunde pripensitan raporton legis unue germane kaj poste en Esperanto Studkonsilisto Dro Kraner el Dresden

**Konkludo**

El tiuj multaj diversaj proponoj por atingi unu bonan celon nenio restos perdita. Pri la plej gravaj ni reparolos ĉi tie de tempo al tempo. Nia lingvo kaj nia gazeto devus helpi ĉiulandajn instruistojn interŝanĝi spertojn utile.

Ŝanĝi la pensmanieron de la popoloj de egoista memrigardo al homara superrigardo, tio estas ja giganta tasko, fakte necesigata de la nunaj cirkonstancoj, se la mondo ne volas perei. Neniu socia aŭ politika ŝanĝo sufiĉos en si mem sen samtempa edukado kaj preparado de la nova generacio, Tio estis la konvinko de Dro Zamenhof kaj nenia uzo de lia lingvo pli ĝojigus lin ol ke ĝi servu por helpi ĝuste tiun grandan edukan movadon ĉu en mildaj, ĉu en pli radikalaj formoj.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# 21a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO BUDAPEST 1929

### Babilado anstataŭ protokolraporto, de amatora fuŝisto.

#### Antaŭparolo

La kaŭzo de nesufiĉa bruado de nia kara lingvo estas fine trovita. Mi malkovris tiun sekreton post tri sendormaj noktoj antaŭkongresaj en ĉarma Vieno kaj sep samspecaj maltagoj en la bela kongresa Budapeŝto.

Jen do estas la solvo: La Esperantistaro estas nesufiĉe fuŝema. Ni estas tro seriozaj, tro rigidaj, tro enuigaj por ni nia movado. Kuraĝege, kiel ĉiuj fuŝistoj de la Esperanta mondo kutimas mislabori, mi prezentas al la gesamideanaro mian prikongresan babiladon.

Por ekzakta kongresa protokolo necesas almenaŭ monato da teda laboro. Por senĝena babilado sufiĉos unu horo.

Do, atenton! Mi komencas la fuŝadon.

*Nokta vojaĝo kun kanditatinoj por Fraŭlino Esperanto.*

Pleniginte mian valizon per duoncento da kukumoj laŭ la fama sistemo de nia mondkonata L.K.-ano Herbejkampo, por ke mi ne suferu malsaton kaj ornaminte mian bruston, butontruon, manumojn, poŝojn, ĉapelon, super- kaj subvestojn



*Akcepto ĉe la Regna Prezidanto de Aŭstria.*

mem kaj por la ekstera mondo. Ni faras somerajn universitatojn, solenajn paroladojn kaj poste amiko Kruco lerte, sed ŝvitante preparas kilometrolongajn protokolojn, kie li kun severeco de almenaŭ Esperantista registara konsilanto notas ĉiun decidon, proponon, deziresprimon kaj similajn oficialaĵojn.

Sed la mondo ne ŝatas oficialaĵojn. La mondo deziras liberecon, senbridecon. Kaj ankaŭ nia movado, se ĝi volas venki, estu pli malŝtonigita, pli facila, unuvorte pli gaja.

Mi volas fari la komencon de tiu nova, pli bela epoko en per impone grandaj insignoj Esperantaj, por ke mi ne perdiĝu en la maro de neesperantistoj kaj estu ĉie bone ekkonata, mi ekveturis al la kongreso.

La komencpunkton de mia vojaĝo mi ne povas malkaŝi al vi. Hodiaŭ mi deziras esti modesta kaj ne paroli tro pri mi mem, kiel tion faras ĉiam miaj kolegoj-fuŝistoj. Cetere mia nask- kaj loĝloko estas samtempe la naskurbo de plej fama persono de la Esperantujo. Tiel do tiu loko estos konata en la mondhistorio pro du famuloj. Unu el tiuj du estas mi.

En Varsovio mi ŝanĝis la vagonaron, ĉar ĝi ne plu plaĉis al mi. Kaj jen — kia grandega ĝojo! — tuta vagono estis okupita de la konata propagandistino F-ino Helmi Dresen kun ŝia estona karavano. Ne demandinte eĉ pri permeso (en Esperantujo oni ne kutimas fari tion!), mi ekokupis lokon meze de la estona karavanvagono.

Ĉirkaŭrigardinte, mi ankoraŭ pli ekĝojis. La karavano de F-ino Dresen konsistis el tuta taĉmento da junaj samideaninoj. Post longa atenta serĉado mi sukcesis trovi en la Dresena karavano nur unu viron. Cetere li estis tute sendanĝerigita, ĉar la fraŭlinoj ĉiam parolis kaj ne lasis al li eĉ malfermi la buŝon.

Pripensante tiun strangan situacion (ne pri la ŝtopigo de la buŝo de la estona solsamideano, sed pri troa abundeco da estonaj samideaninoj), mi baldaŭ trovis la solvon.

Tute simple: ili ĉiuj veturis por akiri la allogan titolon de « Miss Esperanto ». Ĉi-loke mi devas rimarkigi, ke pro la laste okazinta oficialigo de la prefikso « mis » por eviti miskomprenon oni devus ne misuzi la titolon de « Misesperanto ». Ni do preferu parolu pri « Fraŭlino Esperanto ».

Kaj ankoraŭ unu genia ideo ekfloris en mia ne malpli genia kapo. La Budapeŝta kongreso certe estos abunde vizitita, ĉar la virinoj venos por esti elektitaj kiel « Fraŭlino Esperanto », aŭ almenaŭ kiel « Vicfraŭlinoj », kaj la viroj alkuros de ĉiuj flankoj Budapeŝton por admiri tiujn elektitulinojn.

Veturado al Vieno, la unua punkto de nia kongresa vojaĝo, daŭris tutan nokton. La gaja Esperanta karavano tamen neniel dormis. Laŭ la Zamenhofa recepto kaj sub kontrolo de F-ino Dresen nin ne timigis la noktaj fantomoj, kaj rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante ni iris la vojon celitan, tirataj de la lokomotivo.

En ĉiu Esperantisto estas kaŝita lingvoscienculo. Kaj tial ankaŭ mi eluzis tiun noktveturon por ekkoni pli profunde la estonan lingvon. Ĉarmaj fraŭlinoj kun admirinda pacienco instruigis al mi dum la tuta vojaĝo la nombrojn en ilia lingvo. Ĝis ni alvenis Vienon mi bone ellernis ĉiujn nombrojn de 1 ĝis 10.

Cetere, mi sukcesis dum tiu mallonga lernado tiel bone ekkoni la tutan spiriton de la estona lingvo, ke mi ne hezitis eĉ tuj enkonduki en ĝi necesajn (laŭ mia profunda konvinko) reformojn.

Kiam mi dentrompante ripetis post mia alloga instruantino la terurajn nombrojn: üks, kaks, kolm, nelli, kus, ŝi interrompis min, dirante:

— « Kus », elparolu longe, tre longe. K-u-u-s... Jes, ankoraŭfoje: K-u-u-s...

Mi tiris tiun « kus » laŭlonge tiom, kiom mi povis, kaj ĝuste tiumomente ekdecidis, sekvante la ekzemplon de ĉiu komencanta Esperantisto, enkonduki decidan reformon en la estonan lingvon.

— Kara fraŭlino, — diris mi — la afero kun tiu « kus » povas esti notinde simpligita. « Kus », mallonge de mi elparolata, signifas germane « kiso ». Nun vi tamen postulas, ke ĝi estu sufiĉe longa. Bone, estu tiel. Do, ne « kus » sed simple: « longa kiso ».

Kaj post tiu genia reformo, mi fervore daŭrigis la studadon.

*Ni antaŭkongresas en Vieno.*

La antaŭkongresejo ĉe Annagasse en Vieno aspektas kiel batalkampo. Homoj kaj hominoj kuras tien kaj reen. Tumulto kaj krioj, precipe de virinoj, plenigas la aeron.

En la malantaŭa ĉambro oficas la ĝenerala stabo. Oni disdonas al la alvenantoj arojn da paperoj kaj ĉion zorge enskribas en dudek diversaj libroj kaj libregoj. Kaj super ĉio regnas la freŝbakita registara konsilanto S-ro Ŝtonulo.

Li riproĉas la antaŭkongres-oficistojn pro nesufiĉe rapida plenumado de la aferoj kaj samtempe li respondas al la alvenantaj kongresontoj, klarigas ĉion, forte rekomendas la malkarajn tagmanĝojn kaj aliajn aranĝojn de la antaŭkongreso, akceptas monon, kalkulas, telefonas, staras, sidas, kuras kaj kun zorgoplena mieno diras al la alvenantaj diverslandaj amikoj:

— Vi ja vidas, ke ĉion mi devas fari mem. Nur mem.

Jes, nur li mem. Kaj tial ankaŭ nur li mem lastan tagon antaŭ la malfermo estis oficiale nomita « registara konsilanto ».

Li konsilis al la registaro ne konsideri Esperanton kiel infanaĵon kaj helpi la Antaŭkongreson. Li konsilis kaj tial fariĝis konsilanto.

*Tagmanĝoj, kafo kaj aliaj Esperantaĵoj.*

Dum la tri antaŭkongresaj tagoj ni havis tre ŝarĝitan programon: ĉiutage matenmanĝo en laŭvola loko, ĉiutage tagmanĝo en apartaj grupoj en diversaj lokoj kaj ĉiuvespere komuna vespermanĝo. Por ĉiu punkto de tiu abunda programo estis starigitaj specialaj kuponoj, riceveblaj kontraŭ konforma pago. La programon kompletigis komuna kafotrinkado, permesata al la kongresanoj nur en loko, klare montrita de la prezidanto de la organiza kaj plenuma komitatoj.

La komuna kaj disa, en certaj okazoj ankaŭ gesola manĝado sukcesis bonege. Mi demandis pri tio la kompetentan opinion de S-ro registara konsilanto. Li aŭtoritate konfirmis la bonan kvaliton kaj digesteblecon de ĉiuj menciitaj punktoj de la programo.

Nur unu malgranda incidento, neantaŭvidita en la programo, okazis. En la restoracio Hengl certa franca samideano-ĵurnalisto, atendante du horojn la antaŭpagitan vespermanĝon, kuris mem al la kuirejo kaj tie ricevis de la mastrino porciojn por li kaj por liaj kuntablanoj.

Sed kiam li venis kun la pladoj al la tablo, ĉiuj terure ekkoleris, dirante al tiu improvizita kaj plej nova (eble ankaŭ la sola) esperantista kelnero, ke la porcioj da viando estas tro malgrandaj kaj ne valoras la monon antaŭpagitan.

La senkulpa « kelnero » reprenis la tutan manĝotaĵon, kuris kun ĝi al la prezidanto de la Antaŭkongreso kaj plendegis.

S-ro Ŝtonulo unue ekmiregis, poste prenis la francon sub la brako kaj ambaŭ kun la pladoj ekmarŝis al la kuirejo.

Tie S-ro Ŝtonulo kun severa mieno deklaris al la dika mastrino, ke tio estas vera porkaĵo (ne la donita viando, sed la dono de tiom malgranda viando) kaj ke ĝi povas havi danĝerajn sekvojn.

Nome, diris li, montrante la « kelneron », tiu sinjoro estas franca ĵurnalisto kaj li pri tiu okazintaĵo skribos en siaj gazetoj. Estiĝos certe grandega skandalo. La Ligo de Nacioj sendos al vi esplorkomisionon. Eble eĉ okazos pro tio nova milito kontraŭ nia ŝtato!

La mastrino svenis pro teruro kaj, rekonsciiĝinte, pro patriotaj motivoj, dezirante evitigi al sia patrujo militon, ordonis doni al nia franca amiko duoblajn porciojn por li kaj por liaj kunuloj.

La saĝa virino faris tion laŭ konsilo de sinjoro registara konsilanto.

*Mi parolas kun la regna prezidanto.*

Jus mi rememoras, ke krom la diversaj manĝopunktoj, la antaŭkongresa programo enhavis ankaŭ la akcepton de eminentuloj de la movado ĉe la aŭstria regna prezidanto kaj la malfermon de la Esperanto-muzeo en la Nacia Biblioteko.

Al la akcepto ĉe la prezidanto mi kompreneble estis invitita. Samideano Ŝtonulo diris al mi, ke mi estas inivitata nur escepte,

sed mi aŭdis, ke ankaŭ ĉiuj ceteraj samideanoj estis nur escepte allasitaj al tiu honoro.

Ni kolektiĝis ĉiuj en la bela salono de la nuna prezidanta palaco. Sinjoro Ŝtonulo donis al ni la lastajn instrukciojn, kiel ni devas teni rilate al la prezidanto.

Jam la regna prezidanto estis elironta al ni, kiam la enirpordo malfermiĝis kun granda bruo kaj en la salonon enfalis ia malfruiĝinta samideano kun du grandegaj valizoj (li ne antaŭpagis por la loĝejo en Vieno) kaj dek dikaj libroj por kolekti aŭtografojn.

Li ankaŭ volis esti akceptata de la prezidanto, sed S-ro Ŝtonulo tute paliĝinta pro tiu akcidento konsentis eminentuligi lin nur escepte kaj kondiĉe, ke li lasos siajn valizojn kaj aŭtograflibrojn en la koridoro kaj ne ĝenos la prezidanton per peto pri aŭtografo.

Kaj jen venis la decida hor', aŭ pli ĝuste la decida momento: La salonon eniris la regna prezidanto kun sia kanceliero kaj gravmiena, dubarba sekretario.

Mi respondis.

La prezidanto diris: O! Post tio li demandis pri mia hejmlando.

Mi denove respondis.

La prezidanto diris: O... o... o!

Post tio li foriris al sekvonta eminentulo.

Mi estis tre feliĉa pro tiu multsignifa interparolado kun la prezidanto de aŭstria respubliko.

Certa fraŭlino prezentis al la prezidanto malnovan ĉifonitan libreton je memoro. Alia samideano volis lin amike frapeti sur la ŝultro, sed S-ro Ŝtonulo malkonsilis tion. (Do li estas ne nur registara konsilanto, sed ankaŭ Esperantista malkonsilanto.)

Post kiam la rondirado estis finita, la prezidanto foriris.

*Inaŭguro de Internacia Esperanto-Muzeo.*

La inaŭguro de Internacia Esperanto-Muzeo en la Nacia Biblioteko okazis tute laŭprograme.



*La kandidatinojn por « Fino Esperanto ». En la mezo F-ino Veronika Eksta, elektita.*

Li, la prezidanto de la respubliko, diris mallaŭte, kvazaŭ kaŝe kelkajn vortojn al samideano Ŝtonulo. Mi ne aŭdis kompreneble, kion li diris, sed el tiu sekreta parolado konjektis, ke verŝajne samideano Ŝtonulo estos pro siaj Esperantaj meritoj baldaŭ nomata « sekreta konsilanto ».

Sinjoro Ŝtonulo estis kortuŝita pro la sekreta alparolo kaj respondis, ke la tutmonda Esperantistaro dankas al la regna prezidanto, ke li bonvolis nomi lin, Ŝtonulon, registara konsilanto.

Post la regna prezidanto gravpaŝe marŝis de unu eminentulo esperantista al la alia. Sinjoro Ŝtonulo sekvis lin kun serenigita vizaĝo kaj prezentis ĉiun aparte.

Kiam la prezidanto venis al mi, samideano Ŝtonulo diris mian nomon. La prezidanto etendis al mi amike la manon kaj demandis, el kiu urbo mi venas.

Ekster la programo multaj Esperantistoj ekokupis la orajn seĝojn en la unua vico, destinitajn por la regna prezidanto kaj lia ministraro, kaj ankaŭ la arĝentajn seĝojn, destinitajn por la eksterlandaj diplomatiaj reprezentantoj. Oni sukcesis tamen forigi la Esperantistojn de tiuj maldemokratiaj seĝoj.

Poste ĉio estis en ordo. Oni parolis, parolis kaj centfoje parolis. La regna prezidanto, la organiza prezidanto, samideanoj, samideanoj, unuvorte ĉiuj. Neniu restis malkontenta.

*Ni veturas perŝipe al Budapeŝto.*

La programo en Vieno finiĝis kompreneble per vespermanĝo, post kio ni komune ekveturis vaporŝipe al Budapeŝto.

Sur la ŝipo mi rimarkis multajn Ĉe-idinojn, amase de li fabrikatajn per la famaj Esperanto-kursoj. Ili ĉiuj gaje amu-

ziĝis sur la ŝipo, laŭte interbabilis en bona Esperanto kaj estis viva reklamo por instruinto Ĉe.

*Ni dormas en Budapeŝto.*

Tutan tagon daŭris la ŝipveturado.
Kaj fuŝbabilado dum longa la voj'
Lacigis nin ĝis sinforgeso,
Sed finis ni klaĉi kaj venas kun ĝoj',
Al bela haven' de l' Kongreso.

Servemaj budapeŝtaj samideanoj atendas nin. Ĉu vi antaŭe mendis loĝejon aŭ ne, vi tuj ricevas adreson kaj junaj skoltoj kondukas vin al via kongrestempa hejmo.

Post duonhoro ni ĉiuj estas jam en la litoj.

La programon en Budapeŝto ni do komencas per dormado. Bonan nokton!

*Ni plipeziĝas.*

Sekvontan matenon ni kuris kune, dise aŭ unuope al la akceptejo.

Viva laborego bolis tie. Longaj tabloj estis dividitaj je diversaj fakoj. Por kontentigi la diverslandajn kongresanojn laboris do kongresoficistoj, bankistoj, poŝtistoj, pasportvizistoj, ĉiuspecaj vendistoj k.t.p.

Ĉiu kongresano ricevis grandegan sakon kun kongresdokumentoj, invitoj al centdudek dum kaj post-kongresaj vojaĝoj, tricentkvindek fakaj kaj specialaj kunvenoj, kaj krom tio treege multe da reklamiloj, ĉiuj presitaj en nia kara lingvo kaj tial prezentantaj grandegan valoron por la historio de la homaro kaj precipe por Esperantistaj kolektantoj.

Ĉiu kongresano post ricevo de tiuj objektoj, sen kiuj cetere li ne estus povinta regule kongresi, pezis kun ili tiom, kiom nia kara ĝenerala sekretario pezas en normala nekongresa tempo.

Nun atingi lian pezon restas tamen neeblaĵo. Ĉar sur liaj ŝultroj pezas la tuta respondeco pri la kongreso. Tio plipezigas lin ankoraŭ almenaŭ trioble.

*La universitato someras.*

Poste ni veturis al la malfermo de Somera Universitato.

Bela estis la ejo de Muzikakademio, kie ĝi okazis, belega estis la malferma parolado de eksministra D-ro Lukács kaj la prelego de D-ro Canuto, sed plej belega estis tamen la kongresurbo Budapeŝto kaj la somera naturo.

Kaj tial iom post iom forkuradis la gekongresanoj el la ejo de nia Somera Universitato.

Ili preferis resti sen pruvo pri universitata studo kaj ĝojigis sian spiriton per belegaj vidaĵoj de Budapeŝto kaj per ĉiuj sorĉaĵoj, kiujn povas fari nur la misterplena naturo.

La Universitato dum la kongressemajno forte « someris » dum ekstere la Somero universitatis al la gekongresanoj.

*Solena malfermo de la Kongreso.*

Festsalonego de la Reduto. Ĉiuj seĝoj okupitaj de la multnacia gekongresanaro. En la loĝioj publiko scivolema, interesita, surprizita.

Sur la podio ĉiuj unuaklasaj eminentuloj de nia movado. Malantaŭ ili la naciaj reprezentantoj. Ili baldaŭ parolos, salutante la kongreson en la nomo de restintaj hejme samideanoj. Ĉiuj nacioj estas tie-ĉi komplete.

Sed jen, mi rimarkas mankon. Kie estes la reprezentanto de Papuoj. Ĉu li ne venis?

Teruro ekkaptas min. Al la kongreso minacas malsukceso pro manko de tiu videbla pruvo de nia universala disvastiĝo.

Necesas iel aranĝi la aferon.

Mi kuras al kelkaj forte esperantistaj samideanoj, stelumitaj de la kapo ĝis la piedoj, kaj proponas, ke almenaŭ unu el ili pro bono de la Esperanta afero lasu al si truigi la nazon per ringo por ŝajnigi Papuon.

Sed neniu konsentas.

Eĉ certa treege fervora samideano, kiu estis skribe proponinta al la Kongresa Komitato oferi sian gorĝon kaj fari kongresan paroladon anstataŭ D-ro Privat, nunfoje rifuzis mian proponon oferi kelkajn gutojn da sia sango por nia kara movado.

Mia penado do plene malsukcesis.

Ŝub komuna entuziasmega aplaŭdo venas en la salonon disciplinita taĉmento da junaj skoltoj hungaraj kun flirtantaj hungaraj kaj Esperantaj flagoj.

Jen nia propra paca armeo!

Eksonas la himno de l' kongreslando.

Prezidanto de pasintjara kongreso S-ro Schoofs malfermas la nunan. Laŭ lia propono oni elektas prof. Jozef Mihalik prezidanto, krom tio aro da diverslandaj Esperantistaj eminentuloj estas elektata vicprezidantoj. Generala konstanta sekretario — laboremulo Robert Kreuz, ĝenerala sekretario — Paŭlo Tolnai, sekretarioj — P. Balkanyi kaj Elek Tolnai.

Post kiam prezidanto Mihalik en bela parolado dankas por la elekto, la tuta kongresanaro starante ekkantas la belan himnon « La Espero ». Denove ripetiĝas la ĉiujara sorĉa momento, kiam gefiloj de plej diversaj popoloj, forgesante ĉion, kio ilin dividas, faras unu veran grandan rondon familian.

Nia talenta poeto Julio Baghy deklamas kun emocio, akompanata de tondra aplaŭdego, sian plej novan poemon « Al nova bordo! »

Sekvas salutoj de registaraj reprezentantoj.

Sinjoro Isbrücker, reprezentante nederlandan registaron, rakontas laŭ sia ĉiujara tradicio belan anekdoton.

Nunfoje li rakontis pri certa Haga fiakristo, kiu instruigis sian ĉevalon, ke ĝi komprenu esperante diritajn ordonojn: Haltu! Pli rapide! k.t.p. Tion rimarkis ia amerika ĵurnalisto kaj telegrafis al sia gazeto, ke en Hago eĉ ĉevaloj scias Esperanton.

La rakonto multe plaĉis al la gekongresanoj kaj iu fervorulo proponis, ke I.C.K. en sia multmedia propagando ne forgesu ankaŭ pri la ĉevaloj.

Sinjoro Fischer, reprezentanto de rumana registaro, prave diris, ke baldaŭ venos la tago, kiam Esperanto estos ĝenerale disvastigita kaj nur nesciantoj de Esperanto portos stelon, sed nigran.

La prezidanto de I.C.K. S-ro Merchant en sia parolado trankviligis la hungarojn, ke Esperantistoj invadis ilian ĉefurbon ne kun glavoj, sed kun flamantaj koroj.

La reprezentantoj de hungara registaro kaj de la urbo Budapeŝto, ekaŭdinte tiun deklaron de nia ĉiopova prezidanto, ekspiris pli libere kaj estis tre kontentaj.

Oni anoncis poste, ke parolos naciaj reprezentantoj.

Sed tio estis nekonforma al vero. Jes, mi kuraĝas tion aserti. Parolis plejparte naciaj reprezentantinoj.

Por Britujo tre milde kaj elkore salutis S-ino Blaise, por Ĉeĥoslovakio — la ĉiam nacikostumita S-ino Hercigová, por Danujo, S-ino Blicher, por Danzig — F-ino Marquard, por Latvujo — Sinjorino, por Rumanujo — ankaŭ, por Skotlando — same kaj eĉ por Transvalo — sinjorino.

Por Nederlando escepte ne parolis sinjorino, sed tamen la saluto estis kunligita kun virino. Nome, la nederlanda samideano, vestita kiel simpla kamparano en originala kostumo, rakontis al la kongreso kiel lia edzino forte kontraŭstaris lian decidon pri veturo al la kongreso (ĉiuj edzinoj de la mondo escepte sinjorinoj Merchant, Isbrücker kaj Blaise estas kontraŭesperantistaj!) kaj speciale pri apero en la kamparana kostumo.

La parolado de tiu sinjoro estis tiel longa kiel liaj pantalonoj.

Oni fermis la malferman kunsidon kun granda peno pro la malfermitaj buŝoj de la salutemuloj.

*Ni lernas la marŝadon.*

Dimanĉe okazis diservoj kaj kunveno de T.E.K.A.

Je la 11-a horo matene la kongresanoj kolektiĝis en la Muzikakademio, kie okazis la solenaĵo de inaŭguro de la standardo de Hungarlanda Esperanta Societo.

La solenaĵo estis impona. Belaj knabinoj sur scenejo. Skolta taĉmento. Kortuŝaj vortoj de S-ino Isbrücker, Himno « La Espero ». Baghy deklamas emocie poemon « La Vojo ».

Inaŭguro de standardo por paca laboro.

Kiel diferenca de la inaŭgurado de standardoj por mortigi homojn de alia nacio!

Poste la gekongresanoj formis longajn vicojn sur la strato kaj ekmarŝis malantaŭ la standardo tra la urbo, akompanataj de la muziko.

Ni ne havas militan disciplinon en Esperantujo kaj tial devis bone lerni la marŝadon.

La marŝanta multnacia Esperanta popolo faris grandan impreson je la budapeŝtanoj.

La budapeŝtaninoj speciale interesiĝis pri mi. Mi rimarkis, ke ili rigardis min, kiam mi trapaŝis.

*Korespondantoj trinkas teon.*

Posttagmeze je 5-a horo en hotelo Continental la Internacia Centra Komitato regalis per teo kaj kukoj siajn korespondantojn, la estraranojn de la movado kaj kelkajn amikojn. Laŭ la biblia vorto la lastaj estis la unuaj. Ankaŭ miraklo okazis, kio estas ebla nur en nia regno. Invititaj estis 95 personoj sed te'rinkis 126. (Kvar timemuloj mendis mineralakvon.) Kiu kuraĝas ankoraŭ diri, ke la esperantistoj neniam ĉeestas multnombre la diversajn kunvenojn en niaj kongresoj?

Ne tiuj korespondantoj kiuj interŝanĝas poŝtmarkojn kaj kolektas butonojn aŭ butontruojn, sed tiuj korespondantoj, kiuj komprenante la gravecon de nia supera estraro helpas al ĝi, pagante 100 fr. sv. jare.

Krom la teo kaj kukoj oni regalis la alvenintojn ankaŭ per bonhumora parolado de la prezidanto Merchant kaj vigla alparolo de la ĝenerala sekretario Kreuz.

Sinjoro Fischer esprimis sian kontentecon pri la teo kaj kukoj kaj esperas, ke estontjare I.C.K. havos tiom da korespondantoj, ke ĝi povos doni al ĉiu duoblan porcion da regalaĵo.

Profesoro Bujvid akcentante ke I.C.K. bezonas la monon ne por la regalado de korespondantoj, sed por propagando de Esperanto, diris varmajn kaj spritajn vortojn kaj atestis sian varmon per la deklaro ankaŭ estonte restadi korespondanto de I.C.K.

La korespondantoj, kiuj ĝis nun ne konis unu la alian kaj eĉ ne la gvidantojn de I.C.K. havis tiun okazon dank' al la komuna tetrinkado.

*« Fraŭlino Esperanto ».*

Venis la vespero.

Grandan salonon de la Reduto plenigis centoj kaj centoj da gekongresanoj, plejparte en belaj, multkoloraj naciaj kostumoj.

Fabelan aspekton havis la balejo.

Kvazaŭ elvokitaj de kia sorĉisto preterpasis antaŭ viaj okuloj la tuta homaro en sia diverseco kaj samtempe unueco.

Vi vidis tie, ke ĉiu nacio posedas kaj ŝatas sian tradicion, sed ankaŭ ke ĉiuj nacioj kune formas unu belegan, reciproke sin kompletigantan tuton.

Kaj jen komenciĝis la dancoj.

Bulgaraj gesamideanoj en naciaj kostumoj prezentis siajn dancojn, multe aplaŭditajn. Poste venis la ĉeĥoj, estonoj k.t.p.

Bela estis la dancado, laŭdinda la intenco diskonigi naciajn dancojn kaj morojn.

Alproksimiĝas la atendata momento de elekto de « Fraŭlino Esperanto ».

Tiun elekton organizis certa ilustrita semajngazeto hungara kaj mi supozas, ke la eldonanto volis pli fari reklamon pri sia gazeto, ol pri la plej bela Esperantistino.

Sur la scenejo gravmiene eksidis hungaraj pentristoj kaj ĵurnalistoj, krom tio ankaŭ la konata belga skulptisto Marteläere.

Kandidatinoj malrapide trapaŝadis antaŭ la juĝontaro, montrante ne nur sian belecon sed ankaŭ sian laŭordan numeron, presitan sur kartono. La juĝantoj notadis al si la plej plaĉintajn al ili numerojn.

Plejparte la kandidatinoj portis naciajn kostumojn.

Jen sensacio: antaŭ la juĝantaro pasas ina figuro, turke vestita, kun kovrita duone vizaĝo. Kiel konstati la belecon de ŝia vizaĝo? Malfacila tasko!

Sed, sinjorino, ne helpos la kaŝado. Laŭ viaj okuloj mi rekonas vin.

Estas konata franca samideanino, kiu nur pro ŝerco fariĝis turkino por minuto.

La interkonsiliĝo de la juĝantaro daŭras tre mallonge: eĉ ne 5 minutojn.

Kiel « Fraŭlino Esperanto » estas elektata F-ino Veronika Eksta el Estonujo.

Ekaŭdinte tiun verdikton, mi multe ekĝojis kaj alkurinte al la elektitulino, malgraŭ la granda tumulto, kiu ĉirkaŭ ŝi fariĝis, mi diris:

— Uks, kaks, kolm, nelli, longa kiso, fraŭlino, gratulon...

Iu min forpuŝis de ŝi kaj mi ne povis daŭrigi la estonlingvan interparoladon.

Pliaj premioj estis aljuĝitaj al F-inoj Vincenta Garcia Aguirre (Hispanujo), Nelly Banĉeva (Bulgarujo), Clara Weisskopf (Hungarujo) kaj Tony Barbuk (Skotlando).

La lastaj du estis sen naciaj kostumoj.

« Fraŭlino Esperanto » ricevis de F-ino Simon (« Miss Europe ») belan pupon, oferitan al ŝi en Parizo. Ankaŭ la aliaj premiitinoj ricevis belajn donacojn.

Post la elekto oni tre fervore fotografadis la elektulinojn. Ĉiuflanke kaj ĉiumaniere.

Kiam la balo finiĝis, la nokto estis jam longe for.

*Labora kunsido.*

Lunde post la balo okazis la unua laborkunsido de la kongreso.

Nur malmultaj ĉeestis, plejparto dormis ankoraŭ trankvile post la multaj impresoj de la balo.

Iu samideano prelegis pri « internacia elparolo de Esperanto ».

Kelkaj kritikis lian propran elparoladon.

Ĝenerale oni sin bone amuzis.

Poste okazis florornamo de la tombo de prelato Giesswein, pioniro hungara. Prof Bujvid metis bukedon da floroj.

*Denove teo por eminentuloj.*

Post kiam posttagmeze okazis diversaj fakaj kunsidoj kiel ankaŭ sukcesplena ekzameno de Ĉe-pedagogia kurso, je 6-a vespere la eminentuloj kaj duoneminentuloj de nia movado estis akceptitaj de la urbestraro en la belega « Hotelo Gellert ».

Denove okazis belaj paroladoj de la urbestro kaj prezidanto de I.C.K. Oni montris al la gastoj la ondbanejon kaj poste regalis ĉiujn per abunda « teo ».

Eĉ la plendemuloj restis kontentaj.

*Ŝipekskurso al Viŝegrad.*

Agrablan ŝipekskurson la 6-an de Aŭgusto al Viŝegrad komence malserenigis la pluvo, kiu komencis ĵus kiam ni forlasis Budapeŝton.

Sed tio ne daŭris longe kaj baldaŭ ni povis plene ĝui la ravajn aspektojn ambaŭbordajn.

En Viŝegrad oni vizitis la famajn ruinojn de turka kastelo kaj oni sin bonege distris jen per banado, amindumado aŭ aŭskultado de improvizita programo, prezentita de la Esperantistaj skoltoj. Sesjara beleta filineto de la vigla sekretario Alekso Tolnai lerte deklamis kaj kantis en Esperanto.

Tiu tuttaga ŝipekskurso restos ĉies agrabla rememoro.

*Ankoraŭ laborkunsido.*

La sekvontan tagon matene okazis dua laborkunsido de la kongreso.

La ĝenerala sekretario de I.C.K. S-ro Kreuz interese prelegis pri speciala temo: « Esperanto-tradukado en internaciaj konferencoj ».

Li montris la neceson prepari sufiĉan nombron da bonaj tradukistoj por diversaj internaciaj kongresoj kaj konferencoj.

La kunveno multe aplaŭdis la preleginton, admirante lian lertecon kaj vivecon.

*Kunveno de UEA.*

Post tio okazis ĝenerala kunsido de la Delegitoj kaj membroj de Universala Esperanto-Asocio.

La Komitato kaj la Ĉefdelegitoj antaŭe jam havis kelkajn kunsidojn sub prezido de S-ro Stettler, kiu estis tiel severa, ke li laborigis la Komitatanojn kaj Ĉefdelegitojn eĉ dum la ŝipekskurso.

Dum la ĝenerala kunsido S-ro Stettler, la prezidanto de UEA en longa enhavoriĉa parolado dankis al ĉiuj oficialuloj kaj membroj de UEA pro ilia sindona kunlaboro.

La financa stato de UEA estas bona kaj la nuna jaro finiĝos sen deficito.

Tuŝante ĝeneralajn temojn, S-ro Stettler menciis la projektojn pri reorganizo de la Esperanto-Movado. Li forte kontraŭstaras eventualan malaperigon de UEA favore je Naciaj Societoj, aŭ formanĝon de la Naciaj Societoj per UEA.

UEA ĉiam kaj ankaŭ en estonto kunlaboros kun la Naciaj Societoj, sed ne povas konsideri projektojn, kiuj tuŝus ĝian sendependecon. Ni ja havas apartan agadkampon, neniel konkurantan kun la Naciaj Societoj.

Post tiu multe aplaŭdita parolado la vicprezidanto de UEA S-ro Karsch pritraktis administrajn aferojn.

Li atentigis, ke UEA havas tro multe da gast-membroj.

Pri tiu kategorio da membroj mi neniam ankoraŭ aŭdis. Mi konas nur Membrojn, Membrojn-abonantojn, Subtenantojn, Helpmembrojn, sed neniel gastmembrojn.

El plua parolado de sinjoro Karsch evidentiĝis, ke tiel estas nomataj samideanoj, kiuj aliĝas al UEA por unu jaro, poste ne plu pagas kotizon dum 2-3 jaroj, ĉar la Jarlibro ja ne rapide malaktualiĝas. Poste ili denove aliĝas por unu jaro k.t.p.

S-ro Anglada raportas al la kunveno, ke li estas aŭtoro de freŝa projekto de nova organizo de nia movado. Tiun projekton premiis literatura konkurso de hispanaj esperantistoj.

Post kiam S-ro Behrendt, prezidanto de Germana Esperanto Asocio, priparolas la neceson pli vigle kunlabori kun la Naciaj Societoj, leviĝas denove S-ro Anglada kaj demandas S-ron Behrendt:

— Ĉu vi legis mian, antaŭe aluditan projekton pri reorganizo de la Esperanto-movado.

S-ro Behrendt respondas, ke ne.

S-ro Anglada senfine miras, kvazaŭ ĉiu Esperantisto estus devinta krom la Fundamento koni ankaŭ ĝisfunde lian projekton. Li insiste reomendas al S-ro Behrendt tralegi tiun projekton.

S-ro Rocamora rakontas, ke li petis gravan informon ĉe la Delegitoj de UEA por havigi al si materialon por scienca prelego. Malgraŭ ke li ne almetis respondkuponon, venis respondoj. Li do estas tre kontenta kaj dankas al la Delegitoj.

Ĵus iu diras al mi en la orelon, ke la kontenteco de la dankinto estas tiel granda, ke li nun eĉ pagis kotizon por UEA.

Iu samideano anoncas, ke li havas treege gravan proponon. Oni lin aŭskultas kun intereso.

La proponanto deziras, ke oni laŭ la ekzemplo de « Fraŭlino Esperanto » elektu ĉiujare « Sinjoron Filologiiston ». Tiun titolon ricevu homo, scipovanta traduki ian frazon en kiel eble plej multajn lingvojn. Elekto de « Sinjoro Filologiisto » antaŭenpuŝos la Esperantan movadon.

Aŭdinte tiun proponon, mi demandis, ĉu ne estus bone, ke por sukceso kaj pligrandiĝo de nia anaro, « Fraŭlino Esperanto » kun « S-ro Filologiisto » geedziĝu.

La prezidanto S-ro Stettler post zorga trastudo de la statuto deklaras, ke tiu afero ne apartenas al UEA kaj konsilas direkti ĝin al ICK.

Post kiam ĉiuj satproponis kaj troparolis, la prezidanto diras al la ĉeestantoj laŭinstrukcian dankon kaj fermas la kunsidon.

*Neveninto prelegas.*

En Somera Universitato daŭris la prelegoj. D-ro Dreher el Krakovo, kiu ne venis Budapeŝton, tamen prelegis. Almenaŭ tiel raportis certa gazeto budapeŝta. Mi tamen ne havas certecon pri tiu tele-prelego.

*Teatra prezentado.*

Posttagmeze okazis teatra prezentado.

Raporto superflua. Du vortoj sufiĉas: Baghy, Sarosi.

Tio estas sufiĉaj superlativoj.

Cetere ankaŭ la aliaj kunludantoj bonege plenumis siajn rolojn.

La reĝisoro faris ĉion natursimile: dum la prezentado de « Samumo » la aero en la tuta salono estis vere samuma.

Tamen mia najbaro asertas, ke tion kaŭzis ne la reĝisoro, sed tromulto da aŭskultantoj.

Mi opinias, ke tio estas malica kritikemo.

*Raportoj, medaloj kaj similaj oficialaĵoj.*

Antaŭlastan tagon de la Kongreso oni aŭdis la oficialajn raportojn kaj ilin kompreneble aprobis.

Poste estis diskonigita la decido de ICK pri aljuĝo de honormedaloj (pro preseraro en la kongreslibro oni parolis pri « honormelonoj ») al Generalo Sebert, Prof. Cart, S-ro Warden kaj D-ro Privat.

Laŭprograma solena transdono de tiuj medaloj okazis nur kvarone, ĉar ĉeestis sole S-ro Warden.

*Fermo de la Kongreso.*

Ĉio en la mondo finiĝas, ankaŭ la Kongreso kaj eĉ mia longega babilado.

La kongresanoj amase venis al tiu lasta kunsido. Ĉiuj havis tre malgajajn vizaĝojn. Precipe la fraŭlinetoj, kiuj ekkonis tiom da eksterlandaj junuloj kaj bone sin amuzis en la ĉarma Budapeŝto. Nur unufoje dum la jaro prezentiĝas tiom bona kaj bela okazo.

Sur la scenejo ĉiuj havas seriozan mienon.

Leviĝas prezidanto de ICK. Li oficiale atestas, ke budapeŝtanoj estas plej afablaj kaj plej bonkoraj. Li dankas al

prof. Mihalik, S-roj Balkanyi, ambaŭ Tolnai kaj Baghy. Aliajn nomojn li ne scipovas elparoli kaj tial dankas al ĉiuj komune.

Reciproke dankas Mihalik kaj Lorand.

S-ro Stettler estas aplaŭdata jam kiam li malfermas la buŝon. Sed li petas ne aplaŭdi, ĉar li ne laŭdos, sed nur parolos pri malagrabla afero. Sekvas rakonto pri la malfeliĉa, eterna Viena deficito.

La kongresanaro fariĝas tute malgaja. Iu samideanineto ĉe la fino de la salono laŭte ekploras.

Sinjoro Merchant deklaras, ke por la sekvonta kongreso venis diversaj invitoj sed nenio estas definitiva. I.C.K. okupos sin pri tio dum la venontaj semajnoj.

Oni jam estas vere ĉe la fino. Tro streĉi la finon ja estas neeble.

Sed jen — agrabla suprizo.

Ekparolas Feliks Zamenhof, frato de la Majstro. Anstataŭ kutimaj dankvortoj ni aŭdas kun retenita spiro belegan paroladon, kuraĝigajn vortojn pri nia movado kaj ideo. Ŝajnas momente kvazaŭ Majstro mem parolas.

Sed ankaŭ tio estas for. Kun peza koro S-ro Merchant fermas la kongreson.

Oni ekstaras kaj ekkantas la himnon.

Sed kio okazas? Oni vere ne volas foriri de la bela Budapeŝto! Post la unua strofo de la himno oni denove komencas ĝin anstataŭ daŭrigi.

Malfacila estis la adiaŭo sen scio pri sekvontjara rendevuejo.

S-ro Merchant estas ankoraŭ sieĝata de sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kiuj postulas lian ŝatatan subskribon en iliaj memorlibroj. Li skribas al ĉiuj egale aminde: «Kun koraj salutoj John Merchant». La tekston laŭdire ellaboris la ĝenerala sekretario kaj voĉdonis ĝin ICK interkonsente kun la Lingva Komitato.

Post kiam li finis, lia mano ŝveliĝis. Ia doktoro (de filozofio) el la kongresanaro kuracis ĝin.

### *Neoficialaj amuzoj.*

Lastan vesperon post la fermo de la kongreso sed antaŭ la forveturo oni fervore sin amuzis neoficiale, senplane kaj eĉ senpriprense.

Parte oni faris tion sur la belega Margaretinsulo, parte en la ĉarmoplena ondobanejo Gellert aŭ en Luna-parko kun ĝiaj diversspecaj amuziloj.

En tiu lasta precipe ŝatata estis la t.n. «raŭpo» (ne en la fromaĝo), konsistanta el karuselo kun dulokaj seĝoj kaj kovranta dum la veturado ensidantojn por sufiĉe longa tempo de la okuloj de la ekstera mondo.

Oni konstatis, ke niaj samideanoj eĉ perforte tiris la samideaninojn al tiu cetere maldanĝera raŭpo.

Ankaŭ mi iel trafis tien.

Sed mi petas, ne rakontu tion al mia edzino.

Estas pli bone, ke ŝi ne sciu tion.

Do, ĝis revido en... en...

Atentu momenton. Mi telegrafe demandos la ICK.

Joŝo.

## LA VENONTA NUMERO

eliros komence de *Oktobro* kaj enhavos la oficialajn protokolojn de la 21-a kongreso, raportojn pri katolika kongreso en Praha kaj SAT kongreso en Leipzig.

# Universala Esperanto-Asocio




Centra Oficejo:

1 Tour de l'Ile, Genève, Svis.

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 11. Septembro.

*Nova adreso.* — Ni informas nian membraron ke la adreso de la oficejo estas de nun: 1, rue de la Tour de l'Ile. La oficejo troviĝas nun en plena centro de la urbo, sur la insuleto ĉe la elfluo de la lago kaj Rodano (Rhône) kaj placo Bel Air. Tramlinio de la stacidomo N-ro 3.

*Honoraj reprezentantoj.* — La komisiono de UEA bonvolis aprobi la proponon de la kunveno de germanaj membroj en Frankfurt am Main dum Pasko, elekti du honorajn reprezentantojn de UEA konforme al art. 37.

S-ron D-ro Inĝ. Ellerbeck, Ministeria konsilanto, Berlin.

S-ron Ludwig Schiff, patentadvokato, DM de UEA, Berlin.

Ni bonvenigas la du elektitojn kaj dankas al ili sincere por la servoj faritaj al nia movado kaj speciale al UEA.

*Nova teritorio.* — Laŭ iniciato de nia komitatano S-ro Isbrücker la delegitoj en Nederlando proponis per voĉdono la kreon de tutlanda teritorio kun administra centro en Hago. Laŭ la dokumentoj ricevitaj ni konstatas ke dissendiĝis 56 voĉdoniloj al rajtigitaj Delegitoj el kiuj respondis 40. El ili 39 Jes kaj unu Ne. La necesa minimumo estas 21. La komisiono de UEA aprobis tiun voĉdonon kaj la elekton de S-ro Ir. M. F. Onnen, Delegito en Hago por esti ĉefdelegito nederlanda.

*Jarlibro 1929.* — Ni petas korekti jenan adreson en la franca parto sub Mulhouse. La nomo de la Delegito estas Barondeau, 39 rue Laurent, Mulhouse, Haut Rhin.

*Statistiko de la membraro 1929.* — Je la fino de Julio t.e. post 9 monatoj de la administra jaro 1929, pagis la kotizon por la kuranta jaro:

| | |
|---|---|
| Helpmembroj | 31 |
| Membroj | 2.275 |
| Membro-Abonantoj | 5.745 |
| Subtenantoj | 365 |
| Pagintoj por 1929 | 8.416 |

El tiu nombro estas novaj anoj varbitaj dum 1929 *1832* kaj la diferenco ĝis 8.416... do 6.584 estas fakte repagintoj aŭ malnovaj anoj. Tiuj ciferoj ne entenas la nombron de la dumvivaj kaj honoraj anoj ne pagantaj plu kotizon. Ne repagis fine de Julio 1929 2.303 personoj. Kalkulante ilin, la stato de la membraro de UEA estus, aldonante la DM kaj HM preskaŭ 11.000. Ni tre petas, ke oni faru la neceson por regajni el tiuj 2303 kelkajn centojn, tiel ke ni ree atingu la antaŭan ciferon.

*Respondkuponoj de UEA.* — Ni informas per tio ĉi, ke la unua eldono de la respondkuponoj validas ĝis 31a de Decembro 1929. Post tiu dato la Centra Oficejo ne plu akceptas ilin. Jam de Aprilo 1929 la C. O. ne plus vendas tiajn sed novajn kun findato 31a decembro 1932.

Genève, 25an de Aŭgusto 1929.

HANS JAKOB, *Direktoro de UEA.*

## Esperantista vivo

*Naskiĝoj*

Al Ges-roj Pedro Garcia, Delegito de UEA en Ceuta (Maroko) filo Demofilo.

El Ge-sroj P. E. Van Hengel en Groningen (Nederlando) filo Karlo Jozefo.

Al Ge-sroj H. Oberländer vel Sternberg, D de UEA en Czortkow (Polujo) filo Benzion.

Al Ge-sroj Ivan Konstantinov, Delegito de UEA en Tatar Pazarĝik (Bulgarujo) filo Konstantin.

*Fianĉiĝoj*

S-ro D-ro Arsenio Moreira da Silva kaj F-ino Elisia Nogueiro 9. Junio 1929 en Santa Ignez, Brazilo, Bahia.

*Edziĝoj*

S-ro Erich Koblischke, D de UEA en Schönbrunn apud Polička, Ĉ.S.R., kun F-ino Elfriede Langer.

S-ro Josef Ŝafár, Ano de UEA 32 634 en Trautenau Ĉ.S.R., kun F-ino Bozena Milota.

S-ro Gustave Vermandere, Delegito de UEA en Antverpeno kun F-ino José Van Caeneghem el Gand.

F-ino Emily Hammond Morris, filino de S-ino Alice V. Morris, New York kun S-ro Hamilton Hadley.

## Niaj Mortintoj

S-ro H.R. Callagan, Ano de UEA 10315, en Birkenhead, 24. Julio 1929 post longa malsano.

S-ro J. T. Forbes, blinda esperantisto, 18 Aprilo 1929, 71-jara Dundee, Skotlando.

S-ro D-ro Alexander H. Mac Kay, 19. Majo 1929, Halifax, Kanado Ano de UEA 7425.

S-ro Carmelo Liguori, Delegito de UEA en Santa-Fé, Argentino.

S-ro Abulhassan Han Merati, eksmembro de UEA en Tabriz, 14 Junio 1929 25-jara, pro kormalsano.

S-ro Wladyslaw Wolodko, Inĝeniero, Ano de UEA 19170 en Biala Podlaska, Polujo, 24. Junio 1929.

S-ro Rufus W, Powell, Malnova Ano de UEA n-ro 2951, Julio 1929.

S-ro Josef Dolansky, Ano de UEA n-ro 24843 kaj eksdelegito en Benešov u Prahy (Ĉeĥoslov.), bofrato de nia Ĉefdelegito O. Sklenčka en Hradec Králové, 18 Julio 1929, ĉe aŭtomobila akcidento apud Jindrichuv Hradec en Suda Bohemio.

F-ino Lydia Scott, MA de UEA 22486, en Bromsgrove, Anglujo, Julio 1929.

Nia delegito en Orpington, S-ino A. Evelyn Baxter havis la malfeliĉon perdi amatan patron, S-ro Rev. Baxter, pastro, 75-jara.

## *Oni dankas*

*** S-ro W. P. Roelofs, Ano de UEA 34490, kore dankas S-ron Parrish, usona sekretario de UEA kaj edzinon, S-ron Seelbach Delegito de UEA en Buffalo N-Y., S-ron Pratley, Delegito de UEA en Montreal, Kanado, por afabla helpo dum vojaĝo.

*** F-ino G. de Waart, Ano de UEA 26173 en Hilversum, Nederlando kore dankas al la Delegitoj de UEA en Lisboa, Coimbra, Madrid, plie al la bonvolaj samideanoj de Oomoto Internacia en Parizo por gastameco kaj helpo dum vojaĝo.

*** S-ro Adalberto Smit, Ano de UEA 11198 en Hago, dankas tutkore al la delegitoj en la jenaj urboj : Paris, Dijon, Lyon, St. Etienne, Grenoble, Marseille, Gerona, Santa Coloma de Farnés, Sabadell, Terrasa Zaragoza, Barcelona, Palma de Mallorca, Valencia, Cheste, Granada, Sevilla, Cordoba, Madrid, Gijon, Oviedo, Bilbao, Limoges, Tours, kaj Versailles pro gastameco dum propaganda vojaĝo.

*** S-ro Geo. W. Roome, Vicdelegito de UEA en Sheffield, Anglujo, tre kore dankas al la delegitoj de UEA en Basel, Genève, Château d'Oex, Thun kaj Luzern por helpema konsilo dum vojaĝo en Svislando, kio notinde plifaciligis al li restadon.

*** S-ino L. Tissot-Martin, DM de IEA el Basel, sincere dankas al S-ro Klajiĉ kaj edzino, D de UEA en Beograd dediĉinte tempon kaj helpon okaze de vojaĝo. Estas plezuro renkonti tian Delegiton.

*** S-roj Gunner Petersen kaj Paul Neergaard, danaj membroj de UEA, dankas al ĉiuj kiuj helpis nin dum vojaĝo, precipe al S-ro Valdepena prezidanto de Barcelona Stelo, S-ro Tomas Bernabé Santos, S-ro Prof. Bartomeu ĉiuj en Barcelona kaj al Prof. Quagliarello kaj Magliulo en Napoli S-ro P. Pace en Roma.

*** S-ro Julian Fechter, Ano de UEA el Wieliczka, Polujo, dankas al F-ino Spira kaj S-ro Vermandere, Delegito de UEA en Antverpeno al S-ro Ed. Jung, Delegito en Strasburgo, S-ino Marie Feuerbach S-ro Paul Denninger en Mulhouse por konsiloj kaj helpo dum vojaĝo.

*** S-ro Renaud Richez, Membro de UEA en Genève kore dankas S-ron Karl Link, Delegito de UEA en Heidelberg por informoj pri libertempaj kursoj.

*** Mi tre dankas al la jenaj samideanoj, kiuj al mi servis dum mia libertempvojaĝo : delegito Sro. Bonini kaj Sro. Dro. Pizzi en Venezia ; Sro. advokato Vaona en Verona ; delegito Sro. Fiori kaj Sroj. Lanzi, Bonventi, Zacché kaj Banhel en Mantova ; delegito Sro. Dalmau kaj Sro. Amades en Barcelono ; delegito Sro. Perdigo en Badalona ; delegito Sro. Garcia en Ceuta (Maroko).

*** S-ro J. F. Fischer, Delegito de UEA en Degersheim, Svislando, tutkore dankas al S-ro Pindaro Polymeros, Delegito de UEA. S-ro Petro Douzinas, VD de UEA kaj S-ron Paul Echard ĉiuj en Ateno, Greklando pro neforgeseblaj servoj kaj gastmeco dum restado en tiu urbo, Plie al S-ro Harabaĝiu, D de UEA en Bucuresti pro valoraj informoj.

**Atentu** **Notu** **Memoru**

la novan adreson de la sekretariejo de l'Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado kaj de la Centra oficejo de Universala Esperanto-Asocio.

**1, TOUR DE L'ILE, GENEVE**

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ;* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *poŝtmarko sur bildflanko.* kĉl = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo. Fot-aĵo* = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado. Ni atentigas plie, ke la redakcio ne respondecas pri la tekstado.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

**Al S-ro Stefan Falda, Holeŝov, Ĉ. S. R.**

Legante la Junian numeron de *Esperanto* mi vidis vian plendon pri nerespondo. Inter la dekdu nomoj, kiujn vi citis kiel nerespondintaj troviĝas ankaŭ la mia. Jes, certe mi meze de Februaro ricevis PK el Holeŝov, sed escepte la nomon de la loko, mi nenion sukcesis deĉifri el la cetera enhavo. Mi rekomendas al vi insiste skribu vian nomon kaj adreson plej legeble, prefere imitu presliterojn. Mi supozas ke la ceteraj pri kiuj vi plendas ne povis respondi pro sama kialo. L. Friis, Aabyhöj, Danlando.

*Alsedziai p. Telŝiu* (Litovujo). — S-ro A. Ŝarva, lernanto L, PI, k.ĉ.l. Precipe kun junuloj.

*Atzgersdorf bei Wien* (Aŭstrio). — S-ro Rudolf Wagner, Delegito de UEA, Breitenfurterstrasse 31, PI, L, k.ĉ.l. Certe respondos.

*Antwerpen* (Belgujo). — S-ro C. Severyns, Touwstraat 22-1, PM, 250-500 pecoj.

*Bad Münster am Stein* (Germanujo). — S-ro Wilhelm Stoll, Photo-Atelier Braun, 25 jara, PI, L, kun junaj fotografistoj pri fakaj kaj kristanaj temoj. Interŝanĝas fot-aĵojn. Nepre respondos.

*Barcelona* (Hispanujo). — S-ro Jozefo Anglès Prous, str. Canalejas 21, PI, L, k.ĉ.l. sed ĉefe kun francaj usonaj, sovetaj kaj aziaj samideanoj. Certigas respondon.

*Beograd* (Jugoslavio). — S-ino Matekoviĉ, fotografistino, Atelier « Saric » Knez Mihajlova 21, L, PK, kun Sudameriko.

*Broumov* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josef Frank, oficisto nur PI, bfl. k.ĉ.l. krom Germanujo, Aŭstrio, Anglujo. Koresp. esp., angle, germ. Sendos po bela bildo de Praha kun jb. PM.

*Breclav* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Rudolf Trojna, sekr. de Esp. R. L, UI, bfl. Gaz. Certa respondo!

*Brno-Husovice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frant. Pokorny, gazetoficisto, Riegrova 50, PM. Por 50-100 sendotaj de ĉiu lando mi sendos saman kvanton de ĉeĥoslovakaj PM el 1919-1929.

*Cambridge* (Anglujo). — S-ro Joseph C. G. Burton, 15 Downing Street L, PI france kaj angle kun gejunuloj 17-20 jaraĝaj el Luksemburgo aŭ grandaj urboj en Francujo, Belgujo kaj Svislando.

*Ceuta* (Maroko). — S-ro José Lopez, str. Jaudenes 27-2, PI k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Clinton,* Missouri (U.S.A.). — S-ro Rex Booth, 517, N. 2nd Street, L, PI kun Afriko, Sudameriko, Irlando, Greklando, Islando.

*Cluj* (Ruman.). — S-ro Izso Brühl, « Iris » porcelanfabriko. L, PI, pri malnova kaj nova porcelano kaj keramika industrio, k.ĉ.l. precipe el Japanujo, Ĉinujo, Germanujo, Holando, Anglujo kaj Ameriko.

*Coburg* (Aŭstralio, Victoria). — S-ro Cruise, 350 Sydney Road, L, PI, kun gesportuloj.

*Flint Mich* (U.S.A.). — S-ro Oscar Dean, advokato, 804 Citizens Bank Building, L precipe kun samprofesianoj. Nepre respondos.

*Flint Mich.* (U.S.A.). — S-ro Raymond Wudroff, poŝtoficisto, 2009 Seymour Street, PI, L, k.ĉ.l. Nepre respondos.

*'s-Gravenhage* (Nederlando). — S-ro L.F. Schalker, 58 v. Miereveltstraat. PM, PI, L, bfl, k.ĉ.l.

*Hateg* (Ruman.) — S-ro Ericho Vajna, PM, PI, PK, k.ĉ.l.

*Huesca* (Hispanujo). — S-ro Pedro Bescos, Cuatro Reyes 5, PM rekomendite.

*Kovalovice p. Tiŝtín Morava* (Ĉehoslovakio). — S-ro Navrátil Jan, fotoamatoro kaj abelkulturisto korespondos pri abelkulturo kaj interŝanĝos fotaĵojn de siaj ekspoziciaj abeleroj kaj abelujoj el Ĉeĥoslovakio kun tuta mondo. Nepre sendos fotaĵon al ĉiu.

*Kuopio* (Finnlando). — F-ino Aino Mustonen, Puijonniemi, L, PK kaj PM.

*Lisboa* (Portugalujo). — S-ro Manuel Duarte, Poŝtrestante 296.668, instruisto kaj muzikisto, PI kaj regionaj muzikaĵoj, nur kun iu F-ino Japana, Juda, Ĥina, Hinda, Turka, Araba, Persa aŭ Greka.

*Marburg an der Lahn* (German). — S-ro H. Weiershäuser, Delegito de UEA, Steinweg 28, petas la gesamideanojn ricevinte korespondaĵojn de S-ro Kühn el Marburg, Kasselerstrasse 4a, sciigu ĉu ili respondis al la nomita aŭ ne.

*Mühlheim am Main* (German.). — S-ro Willy Kirchner, Bahnhofstrasse 40, L., PI., pri ĉiuj temoj. Gaz. Nacilingvaj pri Esperanto.

*Nimes* (Francujo, Gard). — S-ro Gaston Martin, elektroteknikisto, 2 place Belle Croix, PI, PK, bfl, k.ĉ.l. Ĉiam respondos.

*Nitra* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josef Stekly, impostoficisto, Svatopluka 24, L, Pm, k.ĉ.l., pri diversaj temoj ankaŭ kun komencantoj. Respondas al ĉiu L.

*Nymburk* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frant Kvíz No 149. Esp. Gaz. PM, k.ĉ.l. minim. 100 malsamajn. Rapide ĉiam respondas.

*Oakland Cal.* (U.S.A.) — S-ino Monica Alexander, First Congregational Church, PI, k.ĉ.l.

*Orlová* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Georgo Neklapil Komenského 111, PI ankaŭ en germana lingvo. Respondo garantiata!

*Pui* (Ruman.) — S-ro Kornelo Negulescu, studento, Jud. Hunedoara, PM, PI, PK, L.

*Praha XI* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Georgo Janouŝek, Tomkova 30, PI, L kun studentoj en ĉ. l.

*Rotterdam* (Nederlando). — S-ro D. J. Jansen, Harddraverstraat 23 B, PM sendas holandajn kaj Nederlanda Hindujo.

*Târgu-Mures* (Ruman.) — S-ro Karlo Vigh, studento, str. Ost. Goga 12. L. pri literaturo, arto, folkloro, prefere kun estoj, finnoj; PM, PI, jun. gaz., Esp.-aĵoj k.ĉ.l.

*Tatar Pazarĝik* (Bulgar.) — S-ro D-ro Lobanov, PM ekstereŭropanoj.

*Tempeh O.L.* (Via Loedamjang, Javo). — S-ro Ong Thian Tong, L, PI, Esperanto aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en ĉinujo. Certe respondos.

*Wien IX.* — Komerca lernejo Schremmer, Hernalser Gürtel 30. La lernantinoj de la dua kurso deziras korespondi PI kun lernantoj de iu lernejo en negermana lando.

*Zwolle* (Nederlando). — S-ro M. M. Schouten, Ittersumstraat 50, L, PI, ne bfl, k.ĉ.l. Ĉiam respondos, escepte al filatelistoj.

## Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Atentu.* — Mi deziras korespondi kun personoj kiuj povas serioze kunlabori por serĉi sur landkartoj aŭ sur planoj subterajn akvofluojn aŭ metalojn k.t.p. aŭ konstati sur fotografaĵoj malsanojn de personoj, pere de la pendolo, laŭ la metodo de S-ro Mermet aŭ alimaniere. Skribu en Esperanto, aŭ en germana, angla aŭ franca lingvoj. Mi respondos en Esperanto. F. Michel, Delegito de UEA, Büron-Bad, Knutwil, (Svislando, Luzern).

*Ekspozicio.* — S-ro Aleksandro Pilev, Fontanka 17, Kv. 25, Leningrad XI, deziras ricevi po du ekz. de esp. lernolibro alilandaj, sed tute novaj en bona konservo. Interŝanĝe mi sendos laŭ elekto PM sovetiajn, PI, rusajn gazetojn ilustritajn, esp. lernolibrojn k.t.p. Ne sendas unue. Tuj respondos.

*Jaquard-teksejoj.* — Aĉetu desegnaĵojn kaj kartojn ĉe Johann Schier, Rochlitz an der Iser, Ĉeĥoslovakio.

*Gazetoj Esp.* — D-ro Walter Lippmann, Leibnizstrasse 13, Leipzig, deziras ricevi aĉete aŭ interŝanĝe jarkolektojn: *La Revuo*, I.II.VI; VII., *Esperanto* 1911, 1912, 1914, *Germana Esperantisto* 1904, 1906.

*Interŝanĝo.* — Angla samideano deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kun ĉiulandaj filatelistoj. Mi sendos precipe el Grand-Britujo kaj kolonioj. Mia kolekto konsistas el 14.000 ekzempleroj, kun multaj duoblaĵoj. S-ro H. Campbell-Gainsborough, 37, Tenterden Road, Addiscome, Surrey, Anglujo.

*Filatelistoj!* — Mi ofertas al vi: 50 div. Danzig, —.60 RM.; 100 div. Danzig, 1.50 RM.; 30 malnov. Germanujo ĝis 1875, 2.80 RM.; 50 div. malnov. Germanujo, 8.40 RM.; 25 div. germ. okup, mil M. —.85 RM.; 40 div. germ. okup. mil. M., 3.20 RM.; 25 div. voĉdon M., —.85 RM.; 50 div. voĉdon M., 2.80 RM.; 20 div. Haŭte Silesie, —.60 RM.; 20 div. Germ. Kolonioj, 1.25 RM.; 20 div. Germ. Kolonioj (stamp), 2.80 RM.; 25 div. Memel, 1.25 RM.; 50 div. Memel, 2.80 RM.; 50 div. Saar, 2.40 RM.; 75 div. Saar, 5.60 RM.; 75 div. Sovjet-Rusujo, 3.20 RM.; 15 div. germ. Servon-M., —.50 RM. Stamp. k. nestamp. Tre alta katalog-valoro. Nur ĉe antaŭa pago. — Aldono. — —. 70 RM. sendkostoj. *Postulu prezaron!* C. Schilling Mainz, Germanujo) Uferstrasse 53, Schliessfach 28. Poŝtĉekkonto: Frankfurt a. M. 479 57. — Membro de UEA 28785.

**Adres-ŝanĝo**

**Bonvolu memori la novan adreson de la Centra Oficejo de U E A :**

**1, TOUR DE L'ILE, GENEVE**



L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE